# LITERATURA MONDO



TRIA JARO, DUA NUMERO BUDAPEST FEBRUARO 1924

# ABONU ABONIGU
# PROPAGANDU
# VERKU

## AL LA LEGANTOJ!

Jam estas preskaŭ tradicio, ke en ĉi tiu loko ni eldiras pli-malpli kortuŝajn plendojn pri nia situacio kaj penas per pli-malpli entuziasmigaj frazoj instigi kaj animi por abono kaj propagando. Eble kelkfoje tro sincere, sed tion ni intencas. Ni ne volas erarigi la legantojn per blufo pri nia firma financa prospero, *ni* ĉiam ankoraŭ fantazias pri la „granda rondo familia" kaj al ĝia gepatra prizorgo ni volas rekomendi ĉi tiun revuon-infanon. Ni klopodas laŭ nia plej bona povo doni inter la malvastaj kadroj interesan, valoran, multflankan, bonstilan kaj altnivelan legaĵon kaj el multaj leteroj ni vidas ke la revuo iom post iom trabatas sin, venkas la malfidon, oni kutimiĝas al ni, taksas la valoron de la revuo, ĝi jam fariĝis preskaŭ *nemalhavebla.*

Bedaŭrinde, la aĉetpovo de la esp.-istoj estas nun, inter la malfacilaj vivcirkonstancoj tiel malgranda, ke laŭ la severa principo „donu-prenu" ni ne povas trovi nian kalkulon. Tial ni devas ĉiam refoje apelacii al la ofereno, aferamo, entuziasmo. La Esperantismo travivas nun danĝeran periodon: la entuziasmo ŝajnas superflua, oni parolas pri „reala agmaniero", sed ĉi tiu ankoraŭ ne sufiĉas por vivigi nian aferon. Ĉiuj malgrandnacianoj scias pri la komencaj tempoj de sia literaturo. Kiom da penoj, ofereno, entuziasmo naskis kaj vivtenis ĝin, ĝis ĝi fariĝis plenaĝa por vivteni sin mem. Ankaŭ ni ne forgesu ke ni estas tre malgranda popolo, vivanta *nur* per sia lingvo. Kaj ĉi tiu lingvo vivas per sia literaturo. Do amu ĝin kaj oferu por ĝi! *LA REDAKTA KOMITATO*

### PREZOJ DE „LITERATURA MONDO" PO NUMERO:

| | | | |
|---|---|---|---|
| —.16 dolaroj | —.80 svis. frankoj | —.80 norv. kronoj | 3.— liroj |
| —.40 guldenoj | —.80 danaj kronoj | 1.— pesetoj | 4.50 ĉ. kronoj |
| —.60 sved. kronoj | 2.— fr. frankoj | —.80 ŝilingoj | —.30 jenoj |

El la landoj, kiuj ne estas nomataj, oni petu rektan proponon de ni!

**SENPAGAJN NUMEROJN NI NE LIVERAS ★ NI ESPERAS, KE ĈIUJ AKIROS NOVAJN ABONANTOJN**

### EN LA SEKVANTAJ LANDOJ VI POVAS ABONI ĈE NIAJ ABONEJOJ:

*Argentino:* Irenjo Balkanyi, Buenos-Aires, Jorge Newberry 2667.
*Austrujo:* Wien, Esperanto - eldonejo „Nova Tempo", VI., Mollardgasse 55.
*Britujo:* The British Esperanto Association, 17 Hartstreet, London, WC. 1.
*Bulgarujo:* Centra Librejo Esperanto (Gaŝevsky) Sofia.
*Belgujo:* Frans Schoofs, 45 Kleine Beerstraat. Antwerpen, Poštčekkonto No 284. 20. —
*Ĉehoslovakujo:* Otto Sklenčka, Hradec Králové.
*Danujo:* Martin Blicher, International Boghandel, Hotel d'Angleterre, Kobenhavn.
*Estonujo:* Helmi Dresen, postkast 6, Tallin.
*Finnlando:* O/Y. Movado A/B. Helsinki, Kasarminkatu 20.
*Francujo:* 'Esperantista Centra Librejo, 51, rue de Clichy, Paris.
*Germanujo:* J. Major, Oldenburg i. P. Damm 33 Raabe.
*Hispanujo:* Ferdinando Monserrat, Barcelona. Str. Villaroel 107, 2º 2º.
*Italujo:* J. Mainardi. Viale Vittoria 1, Milano 21.
*Jugoslavujo:* Dro. D. Maruzzi, Zagreb, Jezuitska-ulica 1.
*Latvujo:* Talivaldo Indra, Posta kaste 475. Riga
*Litovujo:* P. Medem Kaunas Smelingasse 12.
*Norvegujo:* Prjt. Rolf E. Bugge Paulsen, Huitfeldts-g. 35—I., Kristiania.
*Polujo:* Pola Esp. Servo Bydgoszcz-Dluga 1.
*Rumanujo:* Esperanto-Centro Rumana, Bucuresti. Alea Suter 19.
*Svisujo:* Esperanta Librejo „Verda Stelo" Rosenheimstr. 5, St. Gallen-Ost.
*Usono:* The Esperanto Service Corporation Box 32 Weehawken N.

**LAŬVOLE SENDU ALTAN SUMON KAJ NI LIVEROS TIOM DA NUMEROJ, KIOM VALORAS LA PAGO!**

# FRAGMENTOJ EL „PSIĤE"

LOUIS COUPERUS, EL LA NEDERLANDA: J. VAN SCHOOR



siĥe estas la simbolo de la homa animo. Ŝi estas la plej juna filino de la maljuna, saĝa reĝo de l' Estinto. Ŝi sentas sin solece kaj forlasite en la granda kastelo kun la tricent turoj. Sur la teraso ŝi revas kaj sopiras al malproksimaj horizontoj kaj malĝojas, ĉar ŝiaj flugiloj estas tro malfortaj kaj subtilaj por flugado. Nun venas al ŝi Eros: la reĝo de l' Estanto, la simbolo de la pura dia amo, kaj ŝi iĝas lia edzino. Satiruso, la simbolo de la volupto, sukcesas delogi ŝin. Baldaŭ ŝia animo elvekiĝas el la ebrieteco! Ŝi serĉas helpon en la kastelo de ŝia plej maljuna fratino Emeralda, la reĝino de la Materio. Tiu trudas al ŝi, kiel pentofaron, iradon tra la Infero, por akiri la Juvelon, kiu al ŝi, Emeralda, devas donaci la dian ĉiopovecon. Psiĥe entreprenas la longan, longan vojaĝon tra la lando de l'teruroj, revenas al Emeralda. Ŝi spitas al la Materio kaj diras: La juvelo ne ekzistas... Kaj la Materio frakasas ŝin, sed la Animo, purigita el ĉia peko, per la fajro, reviviĝas kaj suprenŝvebas al la ĉielo.

I.

Gigante masive, kun tricent turoj, sur la plej alta pinto de rokmontaro, leviĝis la Reĝkastelo en la nubojn.

Sed la pinto estis larĝe ebena kiel altlando, kaj la kastelo etendiĝis mejlojn longe, kun remparoj, kun dentaj muroj, mejlojn, mejlojn longe...

Kaj ĉie leviĝis la turoj, dronante en la nubojn, kaj la kastelo estis kvazaŭ urbo, alta sur la bazalta roko.

Ĉirkaŭ la kastelo cirklumis, pli malalte kaj pli malproksime, pli malalte kaj pli malproksime, la valoj de la lando, diskolorantaj kun la horizontoj, unu post la alia kaj ĉiam, ĉiam, konstante.

Malantaŭ la horizontoj vidiĝis aliaj horizontoj; malantaŭ la roze arĝentaj; malantaŭ la blue oraj; malantaŭ la griza, pala, nebula, svarmanta; kaj la lasta neniam estis videbla: dum klara vetero aperis malantaŭ la horizonto ĉiam alia horizonto.

Ili cirklumis senfine unu post la alia, ili perdiĝis en forvibrantaj nebuloj, kaj subite distingiĝis pli precize la silueto de ilia rando.

Trans la altaj turoj preterŝvebis de tempo al tempo vualo de nubveluro, sed sube ŝaŭmis riverego, kiu senespere ĵetiĝis kiel akvofalo, en nesondeblan, kapturnan abismon.

Estis, kvazaŭ la kastelo leviĝus ĝis la plej altaj steloj, kaj malsupreniĝus ĝis en la plej profundaj centroj de la tero.

Preter la kreneloj, pli altaj ol homo, ofte vagis Psiĥe sencele, ĉirkaŭ la kastelo vagis ŝi de turo al turo, de krenelo al krenelo, kun reva rideto. Tiam ŝi rigardis supren kaj etendis la manon kvazaŭ al la steloj, aŭ rigardis malsupren en la ĉielarkan akvobruon, ĝis turniĝis la kapeto al ŝi, kaj ŝi subite repaŝis kaj metis la manojn antaŭ la okulojn. Kaj tre longtempe ŝi tiam emis sidi en angulo de krenelo, kun malproksimen rigardantaj okuloj, kun rideto ĉirkaŭ ŝiaj lipoj, kun genuoj suprenlevitaj kaj brakoj ĉirkaŭmetitaj, kaj ŝiaj malgrandaj flugiloj kuŝis etenditaj kontraŭ la muska ŝtono, kvazaŭ papilio, kiu sidas senmove.

Kaj ŝi rigardis al la horizontoj...

Ŝi estis la tria princineto, la plej juna filino de la maljuna Reĝo, estro de la Lando de l' Estinto... Ŝi estis ĉiam tre soleca, siajn fratinojn ŝi malofte vidis, sian patron nur dum momento vespere, antaŭ ol ŝi enlitiĝis, kaj, kiam ŝi trovis okazon, ŝi forkuris de la murmurema nutristino, kaj vagis preter la kreneloj, kaj revis kun okuloj rigardantaj malproksimen, malproksimen al la vasta lando, kiu forcirklumis en la nenion... Ho, kiom ŝi deziris iri, pli malproksimen ol la kastelo, iri al la herbejoj, la arbaroj, la urboj, iri al la spegulaj lagoj, opalaj insuloj, eteraj oceanoj, kaj poste al tiu malproksima, malproksima nenio, kiu brilis kiel pala, pala lumo.. Ĉu ŝi iam ja povus eliri trans la pordegojn? Ho, kiom ŝi deziris vagi, serĉi, flugi... Flugi, ho flugi, flugi kiel la paseroj, la kolomboj, la agloj!...

Kaj ŝi klakfrapis per siaj flugiletoj, malforte. Estis, sur ŝiaj malfortaj ŝultroj, du flugiletoj kvazaŭ de grandega papilio, el travidebla haŭto kovrita de karmezina kaj malhele flava polvo; lazuretaj kaj roze vejnaj, kie ili alligiĝis al ŝia dorso, kaj sur ĉiu flugileto brilis fajre du okuloj, kiel sur la vosto de pavo, sed en koloro pli malhela kaj brilanta kiel pistita juvelaĵo; pistitaj safiro kaj smeraldo sur veluro, kaj la velura okulo estis kvarfoje metita en la brilpulvon de la flugiletoj.

Ŝi klakfrapis per ili, ŝi ne povis flugi per ili. Tio, tio estis ŝia granda ĉagreno, kaj tio, tio estis ŝia pripensado, por kio ili utilas, tiuj flugiletoj, tie sur ŝiaj ŝultretoj. Kaj ŝi skuis ilin, kaj klakfrapis ilin, sed ŝi ne leviĝis super la teron; ŝia subtila vizaĝeto ne sereniĝis, ŝia nuda piedeto restis ligita al la tero, kaj nur ŝia tre malpeza vualeto, kiu treniĝis iomete ĉirkaŭ ŝiaj blankeblankaj membretoj, suprenflirtis iomete, per ekbloveto de flugileta vento.

Ho, flugadi, serĉadi, vagadi, ŝvebadi... Kaj dum tutaj horoj ŝi revis, kaj sidis en la krenelo, la okuloj malproksimen rigardantaj, la genuo en la brako, kaj ŝiaj flugiletoj kuŝis etenditaj kvazaŭ papilieto, kiu sidas senmove...

## LA MORTO DE PSIĤE

Ambaŭflanke de la vojiro de Psiĥe leviĝis subitaj flamuraganoj, gigantaj purpuraj fajrolangoj, skarlataj kaj oranĝaj. La malalta volbo repuŝis ilin kaj kiam Psiĥe rigardis malantaŭen, ŝi staris en nura brulego de flamoj. La flamuragano bolis ĉirkaŭ ŝi; malantaŭ ŝia piedo la vojo fajriĝis. La aero estis fajro. Sed Psiĥe,

kies animo mem brulis, mem kaŭterize pentbrulis, ne sentis la brulantan fajrovarmegon, kaj ŝi vidis: el la vivantaj skarlataj krateroj, oranĝaj grotoj, suprenserpentumi kiel fajrajn spiralojn la inferajn ĥimerojn kun vostarabeskoj; duone arabeskajn, duone bestajn; duone drakajn, duone buklajn: flamajn marĉevalojn; ili sputante kaj blovante pliardigis la fajran brulegon; kaj sur la flamaj uraganoj suprenbalanciĝante, forflugis preter Psiĥe la fantomoj.

— Fantomoj, en la skarlataj flamoj...

— Vantaĵo, vantaĵo!

Sonis el la malproksimo la nura respondo de la torturitaj, koleraj fantomoj el la krateroj.

Ŝi iris...

Ŝi iris antaŭen sur la vojo, kiu etendiĝis antaŭ ŝi. Kiom certe ŝi iris, kiom trankvile! Kial ŝi ne timiĝis? Ho, ŝi tro multe sciis, por timiĝi kaj necerte iri! Ĉu la respondo ne sonis ĉiam pli klare kaj senŝanĝe? Larĝe en Psiĥe spiris ŝia animo kaj estis kvazaŭ ŝia propra fajro malpliardiĝus en la fajro ĉirkaŭ ŝi. Ĉar kiam pli flava iĝis la brulego ĉirkaŭe, sulfure flava, pure flava, pure sun-orflava, tiam ĝojegis ŝia voĉo, kvazaŭ ŝi scius la respondon:

— Fantomoj en la sulfurflamoj, fantomoj en la sunoflamoj!

Ŝi ridetis...

Ridetante ŝi antaŭenkuris, kun ĝoja voĉo, kun flugetanta marŝado, kaj tiom rapide ŝi antaŭenkuris sur la vojo mallarĝe etendiĝanta antaŭ ŝiaj piedoj, ke malantaŭ ŝi la respondo devis rapidi por atingi ŝin:

— Vantaĵo, vantaĵo!

Ho, ĝi estis ĉiam la sopirviolono, sed karesemo mildigis ĝian tro amaran malĝojon; la plenda maro iĝis kvazaŭ karesema maro; la miloj da voĉoj fandiĝis per karesemo, kaj pli malproksime, en la lazuro dolĉa de sulfurflavo, en flamomaro de lazuro, en dolĉa eklumanta lunbrila pejzaĝo, en altaj bluvastaj lunflamlangoj — kie ne plu furiozis la infera uragano, sed plidolĉiĝis je bonefika malvarmeto — demandis ankaŭ Psiĥe ne plu tiel rapide, sed flustris sopire ŝia voĉo:

— Fantomoj en la flamoj lazuraj... kie mi trovos la Juvelon por Emeralda?

La sopirviolono vibris tre dolĉe; la fantomoj, kiuj ŝvebis en klare blua fajro, kantis ankoraŭ pli dolĉe:

— Tio estas vantaĵo, Psiĥe; tio estas vantaĵo, Psiĥe...

Ŝi elkriis sian ĝojon, kaj forkuris kun suprenlevitaj brakoj tra la lazuraj lunflamoj. Per pli vastaj sferoj pligrandiĝis la ĉiela arkaĵo;

Pli helaj kaj pli helaj iĝis la flamoj;
Pli bonefika iĝis la malvarmeto
Kaj blanke ĉirkaŭvagis la fantomoj;
Blankaj fantomoj kun sopiraj okuloj; kantantaj sian malĝojon de tre malgaja rememoro...

Kaj la fantomoj rigardis al Psiĥe, la fantomoj dolĉe ridetis al ŝi; mirante ĉar ŝi vivas. Ili montris al ŝi: iri pli kaj pli malpoksimen, ili gestis al ŝi iri ĉiam antaŭen, antaŭen:

Kaj ŝi laŭte ĝojis kaj ŝi kuris...
Ŝi kuris tra flamoj kaj fantomoj.

Ĝis kie la flamoj estis altaj, kvietaj kaj blankaj: Alte kvietaj, blankaj flamoj, kiel oferflamoj, kiel altarflamoj, alten al la ĉielo, al la alta ĉielo, al la vasta ĉielo; al la vasta ebenaĵo plena de blanka fajro, kvietaj, blankaj leviĝantaj purigaj flamoj, klaraj kaj puraj, super la ĉie-vasta ebenaĵo...

Ankoraŭ unufoje ŝi demandis al la blankaj fantomoj, kiuj svarmis ĉirkaŭ la flamoj, kiuj preterŝvebis inter la flamoj:

— Fantomoj en la blankaj flamoj, pure-blankaj en la blankaj flamoj, kie mi trovos la Juvelon de Emeralda?

— Vantaĵo, vantaĵo! Kantis la fantomoj dolĉe kaj serene, kaj dum la pure kvieta kaj arĝente certa respondo de la atendantaj pentofarantoj, vibris la granda violono de sono.

Kvazaŭ kun dolĉe ĝoja trilo.

Psiĥe nenion plu demandis. Ŝi malrapidigis sian kuradon, kaj ŝi kuretis, la brakoj levitaj, la okuloj alten, tra la arĝentaj flamoj. Ho, la ĉarmaj, dolĉaj flamoj, la admirindaj elpurigaj flamoj, kiom ili freŝiĝis en sia neĝblanka fajro la pentvunditan animon.

Kiom larĝe spiris Psiĥe en la virge-blankebrila fajro! Kvazaŭ lilioj floris la flamlangoj, bonodorantaj kaj abunde balzamaj; kvazaŭ neĝo ili estis malvarmetaj kaj freŝaj... Kvazaŭ akvo ili estis malvarmetaj, kvazaŭ ŝaŭmo. La blankaj flamoj ŝaŭmis kaj kirliĝis kvazaŭ maro, ankoraŭ pli malalta kaj ebena, pli kvieta kaj serena; ili ondis kvazaŭ liliomaro, kvazaŭ maro de arĝenta neĝo... Ili iĝis fluidaĵo kaj akvo kaj ŝaŭmanta oceano, mola medio de dolĉa trudo, kuntrenanta kvazaŭ nerezistebla revo, paradize blanka, kaj la iomete sulkitaj ondoj de ŝaŭmo forkondukis Psiĥen. Sur la ŝaŭmantaj ondoj naĝis Psiĥe, tre blanka en la ora boateto de siaj blondaj haroj. Tiom bonefike ili moviĝis, la ŝaŭmantaj sulketumantaj ondoj, ke Psiĥe fermis la okulojn. Dormeto vualis super ŝi. Ŝiaj lipoj ridetis de dolĉa kvieto.

La ondoj forkondukis ŝin, la maro ĵetis ŝin sur la teron...

— — — — — — — — — — —

— Emeralda, por vi mi trairis la inferon laŭlonge de l' nigraj maroj, gluaj oceanoj, laŭlonge de l' terurbalgoj de flamuraganoj, laŭlonge de l' krateroj kaj grotoj skarlataj kaj flavaj, laŭlonge de l' lazuraj fajroj kaj tra la blankaj lilibriloj... Aŭskultu bone al mi: la Infero respondis: Vantaĵo, kiam mi demandis la Juvelon; la leviatanoj blekegis: Vantaĵo; la ĥimeroj siblis, la fantomoj resonis: Vantaĵo; kaj la tuta sopirviolono vibris: Vantaĵo!

Ĉu vi komprenas min, Emeralda? Vantaĵo estis via deziro, ĉar la mistika Juvelo, donacanto de dia Ĉiopoveco, estas: Vantaĵo, kaj... ne ekzistas.

Tiam estis terure.

La Reĝino, vivanta idolo, flamis de kolero, radiis de kolero, kaj kvazaŭ flamo ekbrulis ŝia koro.

Ĉirkaŭ ŝi, en sankta ornamo, en festa vesto, en sunbrilo kaj en ŝia propra brilo, tremetis pro timo ŝiaj reĝnanoj. Io kruela aperis sur ŝia rigida vizaĝo, ŝiaj smeraldaj okuloj ŝvelis tiel venĝeme, kvazaŭ ili estus blindaj pro sia propra brilo, kaj ŝi ektiris siajn multnombrajn bridojn.

La ĉevaloj stariĝis sur la postaj piedoj, la popolo ekkriis, de ĝojo kaj morttimo, kaj la triumfĉaro klaketante alproksimiĝis. Rapide kiel sago, tondre alproksimiĝis la triumfĉaro super la popolo, kiu ekstaze pavimis la vojon kaj Psiĥe vidis kiel proksimiĝas la furiozaj ĉevaloj, brue spirante, ŝaŭmante, blekante, blovante, piedfrapante, tirante, kun okuloj rondaj kaj koleregaj...

Dum momento ŝi staris senmove: fiere, alte, perloblanke pro la sankta scio; tiam la kruelaj hufoj renversis ŝin kaj la ĉevaloj piedpremis ŝin kiel floron. La triumfĉaro de Emeralda tumulte transveturis sur ŝi, kun la turniĝo de l' tranĉantaj radoj, kaj, dum ŝi mortis, kiel frakasita lilio piedpremita en sia propra blanko, ŝi rememoris sian maljunan patron, kiel ŝi rampis sur liajn genuojn, en lian barbon, antaŭ ol ŝi enlitiĝis.

Ŝi mortis... sed dum ŝi kuŝis frakasite en la koto de homkarno kaj sango kaj la sanktaj rozoj pluvis sur ŝian kadavron nerekoneblan...

Ŝi reviviĝis, suprenŝvebanta, kaj sentis sin tiel malpeza kaj klara, kaj estis pli perloblanka ol iam, kaj sentis sur siaj ŝultroj dolĉe vibri du novajn flugilojn...

Ŝi ŝvebis super sia propra kadavro, en flosanta nubo, en nebulo de bonodoro, kiun ŝi poste ne plu distingis kaj ŝi rigardis, malpeze, blanke kaj klare, mire al ŝia piedpremita korpo kaj ridis; strange kaj pure kaj infane mirigite sonis ŝia rido en la nubo kaj balzama odoro.

## EKSTAZO

K. DE KALOCSAY

... sed nun mi deŝiras la drapirojn violkolorajn!...
La palajn psalmojn forŝiru, disportu la vento!...
Mi elpaŝas el mi mem! Ne estras plu
La morto korpon mian! Mia pulmo
Spiregas en la Unika-Ĉio
De eterne por eterne! Mi kune kliniĝas kun arboj en la vento,
Kun pluvogutoj frapetas en polvo,
Kuregas kun cikorio sovaĝa, ridegas kun rozo vipera sur kampoj,
Kun sirenoj mi veas en matenoj nebulgravedaj,
En fajreroj elektraj mi saltas,
Turniĝas sur svingrimenoj de maŝinoradoj...
Kaj en la elŝiriĝintaj furiozaj ventoj
— Galopas mia vol' — la eterna Volo:
Jen, tie ĝi muĝas en flu' glacieja, murmuro kolera de l' printempaj riveroj,
En fulmiranta lumo, en burĝonoj ekkrevantaj,
En la sopir' eterna de l' falanta ŝton',
En konvulsioj de l' kreanta volupto,
Kaj en la kune sonantaj gorĝoj, kune svingitaj brakoj,
En la atak' terura de l' amas' ekirinta al celo,
En cerbkonsuma peno de l' genio antaŭ konfuziĝintaj vojoj,
En fajro, en ventego, en sunbrilo, en cerbo,
En la kuro eterna de l' Vivo eterna tra l' spacoj eternaj!...
Ho, mi! Mia transvastiĝinta Mem'!
Senpersona, konscia, giganta, ununura Vivo!
En vejnoj miaj bolas mem la Sun'!
En la piedoj saltas la kara suk' de l' Humo!
Ho,mirinda arbaro de homoj!...
Inter brakoj etenditaj branĉiĝas brakoj miaj,
Kaj sur miaj fingropintoj ekkrevas la ruĝa burĝon' de l' feliĉo...

# SAMUMO

JULIO BAGHY

PERSONOJ:

*Thomas Hawkins,* kvindekjara, krudtrajta anglo.
*Mary,* lia edzino, apenaŭ dudekjara, incite bela virino. Pasia konduto, sangvinaj gestoj.
*Robby Holmes,* dudekkvinjara pentroartisto, vera modelo de la vira beleco. Revema, hezitema.
*Abu Firas,* kvardek-, kvardekkvinjara araba karavangvidanto. Oleobruna vizaĝo, densa nigra barbo kaj longaj lipharoj, en kiuj kelkloke ekbrilas jam arĝentaj fadenoj. Trankvilaj gestoj kaj parolmaniero. El la multkoloraj ĉifonoj de lia eluzita vestaĵo kelkloke ekbrunas la bronzo de lia nuda korpo.
*Jeffa,* dudekjara felaha knabino, bela tipo de la aŭtohtona raso. Fajraj okuloj, ebona harligo pendanta ĝis la genuoj, vigle alternanta mieno, sed silenta, humile submetiĝanta konduto. Ŝian kolon ornamas vitroperla kolĉeno kaj sur la manartikoj kaj maleoloj estas braceletoj el kupro.
*Mehmed* felaho, juna, sed monstrovizaĝa kaj kripla muzikisto.

SCENEJO:

Oazo en la dezerto. La fonon regas la kolosa figuro de la Sfinkso, kies malhelaj konturoj akre kontrastas al la violkolora horizonto. Dekstre kaj maldekstre de la Sfinkso perspektive kuŝas plimalpli grandaj ŝtonoj, iam apartenintaj al la grandioza konstruaĵo. Dekstre, en la malantaŭo de la scenejo staras tendo kaj ankaŭ maldekstre estas videbla la enireja parto de alia tendo. Antaŭ la Sfinkso, inter la ŝtonoj, brulas fajro, kies flamo jen ekflagras, jen ŝajnas morti, kaj tiam lumas nur la kolerruĝa ardaĵo. Antaŭ la maldekstra tendo estas pentrista stablo, *sur kiu iom ultramoderna pentraĵo figuras la* ekzotikan vesperiĝon en la dezerto. Kelkloke palmoj kaj tropikaj vegetaĵoj rompas la unutonecon.
En la momento de l' kurtenleviĝo Robby kun paletro kaj penikoj *staras antaŭ sia stablo kaj pentras, Jeffa,* kiu modele pozas por li, staras sur alta ŝtono inter la sfinkso kaj la fajro. Mehmed kaŭras ĉe la fajro kaj atente observas ladkestetojn, kelkloke truitajn, en kiuj estas fermitaj serpentoj, necesaj al la dancado. Abu Firas sidas sur ŝtono apud Robby.

UNUA SCENO

*Robby, Abu Firas, Jeffa, Mehmed*

*Abu Firas* (daŭrigante rakonton, parolas fabelmaniere): Kaj ŝi veante kuregis en la nigra nokto. Kun ŝiaj flirtantaj haroj ludis la vento zumanta super la Nilo. Ŝi kuris for freneze . . .
*Robby* (kun vekiĝinta intereso): Kien ŝi kuris?
*Abu:* Neniu scias. Neniam ŝi revenis.
*Jeffa* (reveme kun timtremo en la voĉo): Kaj la blankvizaĝa Sinjoro?
*Abu:* La sinjoro pripensis ŝin kaj poste forgesis la tutan aventuron. La blankvizaĝa sinjoro facile forgesas, ĉar en korĉagreno li faligas larmojn . . .
*Jeffa:* La felaho larmas sangon, la sangon de sia koro kaj pereas en sia doloro.
*Robby:* Vi, tropikaj homoj, povas ami tre . . . tre . . .
*Jeffa:* Tre!
(Momenta paŭzo, dum kiu Robby embarasite silentas.)
*Robby:* Verŝajne ŝia beleco estis eksterordinara.
*Abu:* Sinjoro, ĉu vi aŭdis jam ion pri la sklavino Moabia, kiun la granda faraono levis al si sur la tronon, ĉar ŝiaj ardaj okuloj enscrĉis lin kaj poste li mem, per propra mano, elpikis tiujn ĉi okulojn?
*Robby:* Kial?
*Abu:* Ĉar ili neniam larmis. Ŝi ne povis plori kaj ŝiaj okuloj sorĉvenenis, frenezigis tiujn, kiujn ŝia rigardo postsekvis.
*Robby:* Ŝiaj okuloj similis al tiuj de Jeffa.
*Jeffa* (kun rezigna simpleco): Sinjoro, miaj okuloj neniun sorĉvenenas.
*Abu:* La okuloj de Jeffa esprimas rezignon kaj humilecon. En la okuloj de Moabia flamis la falsa brilo de memamo kaj senkoreco.
*Robby* (ridante): Tiaj okuloj ekzistas nur en la fabeloj.
*Abu:* Ne kredu tion! Mi konas similajn al la okuloj de Moabia. Ankaŭ vi konas ilin, ĉar vi jam estas katenita de ili.
*Robby* (kun ŝajnigita miro): Hm! Kion vi diras! (subite al Jeffa) Hodiaŭ mi ne pentros plu. Jam sufiĉas. Vi estas laca.
*Jeffa:* Mi ne laciĝis.
*Robby:* Sed jes! Pli ol onu horon vi staras en la sama pozo.
*Jeffa:* Mi ne estas laca.
*Robby:* Por la hodiaŭa tago jam sufiĉas . . . morgaŭ ni daŭrigos . . . ankaŭ la lumefektoj jam ne taŭgas. Vi povas foriri.
*Jeffa* (kun longa dolora rigardo): Laŭ via volo, sinjoro. (Forlasinte sian lokon ŝi ekkaŭras apud Mehmed.)
*Robby:* (distrite pakas siajn penikojn.)
*Abu:* Ĉu vi volas, ke mi rakontu?
*Robby* (kvazaŭ maŝine): Rakontu!
*Abu* (post iom da medito): Mi ne rakontos, ĉar ne povus aŭskulti via animo, kion mi dirus . . . Via animo nun ne estas ĉe vi.
*Robby:* Stranga vi estas, maljunulo.
*Abu:* Sinjoro, gardu vin kontraŭ virino, kiu ne havas larmojn, ĉar la koron de ŝakalo ŝi portas en sia sino.
*Robby:* Kial vi diras tion ĉi al mi?
*Abu:* Mi konas virinon, kiu volas avide la ĉirkaŭprenon de viaj brakoj, la kison de viaj lipoj, la sangon . . .
*Robby:* Pri kiu vi parolas?
*Abu:* Nur unu blankulinon mi konas en la karavano.
*Robby: Mary Hawkins?* . . . Eh! kia ideo!
*Abu:* La edzino de la scienculo.
*Robby:* Ŝi estas ja virino edziniĝinta.
*Abu: Des pli danĝera ŝi estas, ĉar la virgulino post la* unua rifuzo honteme retiras sin, sed la virino, kiu konas jam la guston de la kiso, fariĝas ĉiam pli perforta.
*Robby:* Vi fantazias. Vere, sinjorino Hawkins estas ofte kun mi, ni estas intimaj amikoj, *sed nenio pli.* Kaj tio ja estas komprenebla. Ŝian edzon, kiel ĉiun scienculon, tute okupas liaj sciencaj esploroj. Li nur pretere povas zorgi pri la interesaĵoj de sia edzino, sed . . . sed tio ankoraŭ nenion signifas. Krom tio ni estas samlandanoj kaj . . .
*Abu:* Vi blankuloj, dorlotas la pekon, ĝis kiam ĝi flatas vian vantecon, sed kredu, ke kulpa estas tiu virino, kiu sentas sin malzorgata, dum ŝia edzo penadas por ŝi, ke ŝi povu ĝui la vivon, kiel la senzorgaj floroj de la oazo.
*Robby:* Abu Firas, vi volas pentri la diablon pli nigra ol ĝi estas.
*Abu* (kun trankvila voĉo): Ne ekzistas pli nigra ol la blanka diablo.
*Robby:* (kun nerva gesto turnas sin for de li kaj rigardas longe kaj melankolie antaŭ sin.)
*Mehmed* (scivole rigardas tra la truoj en la ladkesteton, kiun li tenas en siaj manoj): Oni devus elŝiri ĝiajn venendentojn.
*Jeffa:* Estas ankoraŭ tempo.
*Mehmed:* Ĝi povus ekmordi iun.
*Jeffa:* Vere . . . iun . . .
*Mehmed:* Rigardu! Ĝiaj okuloj brilas ĝuste kiel la viaj . . .
*Jeffa:* Kiel la miaj . . .
*Mehmed:* Jen, jen, rigardu, tiel gracie ĝi klinas sin tien kaj reen, kiel vi dum la dancado.
*Jeffa:* Kiel mi dum la dancado . . . (subite) Mehmed! Lasu ĝiajn venendentojn.
*Mehmed:* Ĉu vere vi deziras? Ĝi povos ekmordi iun.
*Jeffa:* Jes! (emfaze) Ĝi ekmordos iun. (Ŝi rigardas tra la truo.)
*Abu:* Pardonu min, sinjoro! Mi ne volis ofendi vin

per mia instruo kaj eĉ unu vorton mi ne estus dirinta, se mi ne konus vin. Via animo estas pli blanka ol la ebura korpo de tiu virino kaj tamen, estas ja skribite' ke malforte kontraŭstaras tiu, kiu mem deziras la pekon.

*Robby:* Ĉu vi konas min?

*Abu:* Mi konas vin kaj ankaŭ mian rason.

*Robby:* Mi ne komprenas vin.

*Abu:* Se en la dezerto kreskis ruĝa floro, tiun elŝiri povas nur la samumo.

*Robby:* Pri kiu vi parolas?

*Abu:* Pri Jeffa.

*Robby:* Ĉu ŝi diris ion al vi?

*Abu:* Kiu amas, tiu silentas kaj ŝi amas vin, ĉar vi estas la unua viro, kiu ekvidis la homon en ŝi. Ĉu vi



Alphonse Legros — Tempesto

scias kion signifas ĉe ni „homo"? Homon vidi en ni kaj ne la ŝarĝbestojn de la dezerto kaj ekzotikajn ĉifonojn. Ne, tion vi ne povus kompreni, kiel ajn mi klarigus al i, ĉar vi ĉiuj estas „homoj", almenaŭ vi nomas vin tiel kaj tamen vi estas la unua, kiu ne pro kompato akceptis nin egalaj al vi. Ne monon, sed vian koron vi etendis al ni kaj tial ni amas vin kaj tial amas vin ankaŭ Jeffa.

*Robby:* Kaj tamen . . .

*Abu:* Kaj tamen vi iras preter la diamanto, kuŝanta antaŭ vi sur la vojo. Via koro ektremas je la penso, ke vi ebrie dronigu vin en la ĉirkaŭpreno de blankaj molaj brakoj. Mi scias, ke estas proksime la tempo, kiam la ekdeziro kaptos vin.

*Robby:* Ĉu gardi aŭ tenti vi volas min?

*Abu:* Nur averti, ĉar la tento mem alvenos baldaŭ...

(Ekstere eksonas longa arĝenta ridado de *Mary Hawkins:* „Robby! Robby!")

*Abu:* Ĝi jam etendas siajn flugilojn. Estu singarda! Tiu ĉi virino ne havas larmojn kaj ŝiaj okuloj similas al tiuj de Moabia.

(Ekstere ĉiam plifortiĝas la voĉo de Mary: „Neniam similan! Neniam! Robby!")

*Robby:* Ĉu vi aŭdas tiun ĉi sonoran ridadon? Kiu tiel kore povas ridi, tiu ne povas esti malbona.

*Abu:* La virĉevalo de la sultano havas arĝentan sonorilon, sed la kupra sonorilo de la bredĉevalino supersonas ĝin.

## DUA SCENO.

*Robby, Abu, Jeffa, Mehmed kaj Mary.*

*Mary* (venas rapide el la maldeksta flanko): Robby! Ĉi tion mi nepre devas rakonti al vi. Vere ridige. . . . Vi povas bedaŭri, ke vi ne vidis.

*Robby:* Kio okazis?

*Mary:* Novaj vojaĝantoj alvenis: viro kaj virino. Migrantaj komediantoj sur kamelo. La virino facile saltis de ĝia dorso, sed la viro . . . (ridante) se vi estus vidinta. Robby! Li mallerte saltis kaj sterniĝis sur la tero kiel rano kaj kvakis, kvakaĉis. Hahaha! Kun tiel komikaj gestoj li palpadis sian sangantan piedon kaj tiel beste kvakadis, ke mi ne povis reteni mian ridon kaj mi ridis kaj ridis kaj . . .

*Robby:* (kun muta trompiĝo rigardas al Abu.)

*Abu* (post momenta paŭzo): Kiu falas de ĉevalo, tiu bezonas flegadon, sed tiu, kiun la kamelo ĵetis de sia dorso, bezonas tombon.

*Mary:* Preskaŭ trafe!

*Abu:* La proverboj de arabo ne tion koncernas, kion li vidas, sed tion, kion li pensas.

*Mary:* Mi ne komprenas vin.

*Abu:* La sinjoro komprenis min. (Li iras al la fajro, kie Jeffa kaj Mehmed kaŭras.)

(Paŭzo, dum kiu Abu rakontas la okazintajon per mallaŭta voĉo. Jeffa tuj leviĝas kaj tiras post si Mehmedon. Ili ambaŭ foriras al tiu direkto, de kie venis antaŭe Mary. Robby meditante rigardas antaŭ sin kaj Mary, kiun incitas lia silento, nerve ekridetas.)

*Mary:* Vere estis komike . . . tre komike . . . kaj li tiel kvakaĉis . . . mi devis rideti . . . kaj . . . Se vi estus vidinta tion . . . se vi . . .

*Robby:* (ekscitite rigardas ŝin, sed ne respondas.)

*Mary* (embarasite): Sed estis vere komike, kiam li kiel la rano . . . (Subite ŝi ŝanĝas la tonon.) Kial vi rigardas min kun tiel stranga mieno?

*Robby:* (ne respondas.)

*Mary:* Vi estas prava. La tuta afero ne estas tiel komika . . . kontraŭe. Ĝi estas iom malgaja . . . Kial vi rigardas min tiel penetre?

*Robby:* Mi rigardas ne vin, sed vian animon.

*Mary:* Kaj vi trovas ĝin malbela. Vi juĝas min senkora, kruela . . .

*Robby:* Ne! Vi havas koron, sed vi portas ĝin ne en la brusto, sed sur viaj lipoj, en viaj okuloj. Ĝi vibras tie, sur via ebura korpo kaj fariĝas avida sopiro, ekdeziro.

*Mary* (konsternite): Robby, vi estas tre stranga hodiaŭ.

*Robby* (ekscitite): Kial vi mensogis?

*Mary:* Mi?

*Robby:* Kial vi mensogis?

*Mary:* Ĉu mi mensogis? (Ekridante.) Kio estas al vi?

*Robby:* Jes! Vi mensogis. Mi sentas, eĉ, mi scias, ke vi venis ne por rakonti ian absurdaĵon, sed . . .

*Mary* (kun aŭdaca koketeco rigardas al la okuloj de Robby): Sed?

*Robby:* Sed vi volas daŭrigi la komencitan ludon. Kion vi deziras de mi? Enuo vin kaptis kaj nun por distriĝo vi serĉas ludilon.

*Mary* (prenas liajn manojn kaj kun pasia flustro): Kaj se ne tiel estas, se mi serĉas ne sole ludilon, sed . . .

*Robby:* Sed?

*Mary* (ekridas): Kiel komike vi povas demandi?

*Robby* (ofendite turnas sin al la fajro kaj faras kelkajn paŝojn al Abu).

*Mehmed* (venas de maldekstre): Abu! la sorĉo kaptis la ŝarĝbestojn. Ili estas maltrankvilaj, furioze hufofrapadas la sablon.

*Abu:* Ĉu ankaŭ la niaj?

*Mehmed:* Jes!

*Abu:* Tuj mi rigardos. (Li foriras kun Mehmed.)

### *TRIA SCENO*

*Robby kaj Mary*

*Robby* (iras al la fajro kaj metas sur ĝin kelkajn branĉetojn).

*Mary* (serioze): Robby! . . . Robby!

*Robby* (turnas sin al ŝi): Sinjorino!

*Mary:* Ĉu vi koleras min? Mi promesas pliboniĝon. Jes! Vere! Robby, kara Robby! (Por peto ŝi kunmetas la manojn.) Ne koleru! Mi pliboniĝos.

*Robby:* Vi estas tre infana, sinjorino.

*Mary* (kuras al li kaj flate premas sin al li): Robby, mi konfesas, ke mi mensogis. Mi konfesas, ke mi venis nur por vidi vin kaj esti ĉe vi. Ĉu tio ne sufiĉas al vi . . . Ĉu tio ne sufiĉas al . . . ci? . . .

*Robby* (kvazaŭ tremante pro ekscito): Mary! Ne, ne . . . tio ne estas permesata . . . ne decas . . . Pripensu, Mary, mi ne volas, ke mi . . . ke vi vian edzon . . .

*Mary* (sian vizaĝon alproksimigas al la lia): Vian buŝon . . . vian varman buŝon . . . nur unufoje . . .

*Robby:* Mary!! Ne! . . . Ne! (Li turnas sin for de ŝi.)

*Mary* (ekridas): Hahaha! Kaj vi serioze kredis min? Hahaha!

*Robby* (krude ekkaptas ŝian manon kaj forte ekpremas ĝin.)

*Mary* (ekkrietas pro la doloro, sed post momento ŝi provoke rigardas lin): Nu? . . . Kial vi ne batas min? Mi atendas ja tion. Kial vi ne pugnobatas min?

*Robby* (rekonsciiĝante lasas forgliti ŝian manon el la sia): Frenezaĵo! Pardonu min, sinjorino. Mi estis tre vulgara. (Li iras antaŭen, sed post momento li denove turnas sin al ŝi kaj en lia voĉo kvazaŭ vibras la malespero.) Ne! Tion mi ne povas toleri plu! De post longaj semajnoj vi faras kun mi tiun kruelan ludon. Vi trouzas mian sinregadon. Kial? Ĉu vi serĉas impresojn, aŭ vi volas uzi min kiel romanfiguron? Ĉu vi volas min turmenti kaj detrui ĉion belan, kiu restis en mia animo kaj poste ridi, ridegi senkore kaj piedpremi min en la koton?

*Mary:* Ne!

*Robby:* Ĉu vi volas mortigi mian kredon kaj forpeli min el la vivo?

*Mary:* Ne!

*Robby:* Aŭ vi volas pereigi vin mem kaj ĵeti vin al la pasio, al la freneza volupto, kiu muelos la animon kaj la noblajn sentojn de la koro disŝiros en ĉifonojn?

*Mary:* Jes!

*Robby:* Freneze, tute freneze! Tio ĉi signifas: fariĝi sklavo de bestaj inklinoj. Per unu salto fali ĝis la nivelo de prahomo . . .

*Mary:* Sed vivi, Robby, vivi!

*Robby:* Mary, vi eraras. Tio ĉi estas la morto mem.

*Mary:* Sed tiu ĉi morto naskas novan vivon. Ĉesigi ĉiun rilaton kun la pasinto, ĝui la vivon kaj akcepti ĉion, kion ĝi proponas. Virino mi volas esti kaj sole virino, kaj forskui de mi la ĉifonojn, kiujn la socio metis sur min kaj sinforgese alpremi min al la viro, kiel la ino de la dezerto al la sia. Vivi mi volas por la vivo, por la nuda realeco, por la amo kaj sole por tio!

*Robby:* Mary, vi ne konscias pri via parolo. Vi estas sklavo de memfaritaj impresoj. Ĉion ĉi diri kaj pensi igas vin la enuo, la manko de tiu medio, kiu nun estas malproksime post vi, en la forlasita kulturmondo. La observado de tiuj ĉi duonsovaĝaj homoj, la tro libera vivmaniero de la sudo tuŝis venene vian animon. Mary, kredu al mia parolo! Pasema humoro, kaprico estas ĉio ĉi; kun amaraj larmoj vi pripentus ĝian efektiviĝon.

*Mary:* Ne, Robby! Ne! Tio ĉi estas veo de mia animo, ĉenskuado de mia vendita korpo kaj helpkrio, helpkrio! Robby, vi povus kompreni min, sed vi ne volas kompreni. Vi amas min . . . jes, vi amas min . . .

*Robby* (sidiĝas sur ŝtono antaŭ sia tendo. Post iom da medito): Ne, sinjorino! Kion mi sentas kaj kion vi vidas en miaj okuloj, tio estas io alia . . . tio estas la . . .

*Mary:* La sopiro je amo.

*Robby:* Ne, sed doloro pri la superrego de blindaj pasioj . . .

*Mary:* Eh, vi ne havas koron.

*Robby:* Mi havas, sed ĝi volas flugi per la flugiloj de l' spirito. Ĝi ne volas esti ligita al la profana realeco de l' karno. Ĝi volas rifuĝi al la ĉasta mondo de la arto! La vivo estas tiel malpura, ke estas honte oferi al ĝi ankaŭ la koron. Fortlugi al la transtera mondo, luligi nin per nekonataj, majeste misteraj sonoj, por forgesi pri la tero, al kiu ni estas katenitaj. Jen la potenco de la arto, kaj ĝia beleco!

*Mary:* Vi ne estas prava, Robby. La arto estas la spegulo de la vivo. La vivo estas la sola belo, el kiu ni povas ĉerpi la belon. La artisto do devas koni la plezurojn de la vivo, se li ne volas fari nur palajn siluetojn. Kaj se la grandaj pasioj estas nekonataj al li, li devas senti almenaŭ la varmon de la amo.

*Robby:* Jes, sed tiu ĉi amo estu pura kiel la leviĝanta suno, pura, radia kaj sankta.

*Mary:* Por kiu? Por kiu estas tiu ĉi ideala revo, se vi neniun volas ami?

*Robby:* Por virino, kiu scios plenplenigi mian animon kaj la poezian atmosferon de la amo ne infektos per efemeraj vulgaraĵoj.

*Mary:* Ideala amo, infana revado . . . Kaj ĉu vi esperas trovi por vi estaĵon, kiu posedas ĉiujn ĉi eksterordinarajn virtojn.

*Robby* (post momenta paŭzo, kvazaŭ trovinte rimedon por savi sin el la potenco de tiu ĉi virino): Jes! Mi trovis ŝin.

*Mary* (surprizite rigardas lin. Momenton ŝi ne povas paroli kaj embarasite mordetadas la lipojn, sed poste kun la certeco de l' venkonta koketeco ŝi demandas): Ĉu ŝi estas bela?

*Robby:* (ne respondas.)

*Mary* (post momento, pli kuraĝe): Ĉu ŝi estas bela?

*Robby:* Por mi ŝi estas bela.

*Mary* (triumfe): Do eĉ bela ŝi ne estas . . . Ĉu mi konas ŝin?

*Robby:* Jes!

*Mary:* El Londono?

*Robby:* Ne! . . . Felaho! . . . Mia modelo . . .

*Mary* (kun eksplodanta rido): Jeffa! Jeffa! (Subite serioziĝante.) Robby, vi ŝercas. Vi nun mensogis, iom mensogetis. Vi volis hontigi min. (Imitante lin.) Felaho,

mia modelo! (Kun altrudita rido.) La ĉifono de la dezerto kiel amkonkurantino . . . la senkulte vaganta almozpetanta diino . . . Hahaha!

*Robby*: Ĝuste vi nomis ŝin, sinjorino! Almozpetanta diino, sed ŝi estas la mia pure, senmakule . . .

*Mary* (kun vekiĝanta ekscitiĝo): Eh! Ŝi apartenas al tiu, kiu aĉetas ŝin.

*Robby*: Eble ŝia korpo, jes, sed ŝia animo . . .

*Mary*: Ŝia animo! Hahaha! La animo de la bronzkolora diino, kiu la poezian atmosferon de la amo ne infektos maljunulon, kiu fariĝis por vi nur teda balasto kaj kiun vi nun malamas. Vi, Mary, imagis min tre facila viro. Mi ne amas vin, mi ne povas ami vin, ĉar mi devus poste rifuĝi de mi mem . . . mi . . .

*Mary* (kies mieno dum la parolado de Robby esprimis ĉiam pli da vekiĝanta espero, nun triumfe interrompas liajn vortojn): Robby, vi timas min, vi timas la amon, vi timas ĉion, kio rilatas min. Robby, vi mensogis. Vi ne amas tiun knabinon, ŝi estas kaj servas por vi nur kiel fulmoforigilo. Vi . . .



Muirhead Rone — La Gaiety-teatro

per efemeraj vulgaraĵoj. (Ŝia rido subite ĉesas kaj kolere ekfulmas ŝiaj okuloj.) Ridinde! Mi malŝatas ŝin.

*Robby*: Vi malŝatas ŝin, ĉar ŝian lulilon oni ne balancis en la medio de la supraj dekmiloj. Mary, vi ne konas la amon. Nur la senbridan pasion vi konas, sed ne la silental piecon de la sento. Lernu plori, se vi volas ami. Se vi nernos rezigni senplende, vi povos diri, ke vi konas la amon. Nun vi povas nur avide deziri, sed ne ami. Vi ekdeziris min por ludilo, ĉar via kavalira gvardio ne ĉeestas kaj nun vi kredigas tion al vi mem, ke vi amas min. Via ofendita vanteco instigas vin por tiu ĉi danĝera ludo. Post kelkaj tagoj vi malŝatos ankaŭ min, ĉar mi ne ĵetis min surgenue antaŭ vin je via unua rigardo, je via unua provoka rideto, per kiu vi aĉetis edzon, la honestan

*Robby*: Ne! Ne!

*Mary*: Robby, vi amas min kaj sole min.

*Robby* (kun kreskanta malespero): Ne! Ne!

*Mary*: Vi serĉas kaj amas min eĉ en ŝia mizera estaĵo . .

*Robby*: Ne! Ne! Ne!

*Mary*: (proksimiĝas al li kaj parolas rapide, flustre. Ŝi portas ĉiujn siajn armilojn en la batalon por gajni ĝin.) Jes! Jes! Jes! Mi sentas tion kaj mi mem volas, ke estu tiel. La interna fajro en mi, per la magneta forto de la vero estas pli forta, ol via bela kaj falsa filozofio pri la vivo, pri la celoj de l' arto . . .

*Robby* (malespere): Silentu! Mi ne volas aŭskulti vin, Mi ne volas . . .

*Mary*: Ne! Nun vi estas sub mia potenco, mi estas la

# LEGENDO

Moto:
Jen etendiĝas antaŭ ni
En subĉiela sfero;
Revita nia Arkadi'
Kaj Promesita Tero.
*A. Grabowski*

Ofte de pensoj zorgoplenan aron
Flugila revo en estonton pelas
Post tiu ŝipo elnaĝinta maron
De historio . . . Kien sortoj velas?
Ĉar koro volus levi jam kurtenon
De tiu Morgaŭ kaj vidi havenon!

Jen pasas tagoj kaj jaron post jaro
Iras sennombra de l' koroj tributo.
Ie jam bildo de nova homaro
Okulojn logas sur verda reduto —
La mondo nova, kvankam en nebuloj,
De pli feliĉaj niaj posteuloj.

Kor' volus scii: ĉu post la jarmiloj
Donos rikolton ĉi sendanka peno?
Ĉu niaj iam alvenontaj filoj
Pri ni forgesos aŭ laŭdos kun beno?
Ĉu, kiam venos de l' epokoj solvo,
Ni putre kuŝos sub tavol' de polvo? . . .

Se estus ebla tia antaŭvido,
la profeta ektremo de l' koro:
Kien kondukas nin la Stel' per gvido,
Ĉu lum' ĝi estas, ĉu nur meteoro —
Kaj ĉu la Morgaŭ, misteron kaŝanta,
Sonos per lingvo nia Esperanta?!

Ĉu sole iuj histori-fosistoj
Sur tagan lumon prezentos rakonton
Pri ni — pasintaj jam esperantistoj,
Kiuj pupilon fiksis en estonton —
Kaj kredis forte, en ardeco pia,
Ke estos unu rondo familia? . . .

Ĉu intereson sole, ĉu profundan
Kortuŝon vekos maltrafinta sorto,
Se nian revon — en la am' senfundan,
En tombon metos kun ni nia morto,
Ĉu eĉ el tombo nia senŝancelo
Al posteuloj brilos kiel celo?

Ofte de pensoj zorgoplenan aron
Flugila revo en estonton pelas
Post tiu ŝipo elnaĝinta maron
De historio . . . Kien sortoj velas?
Ĉar koro volus levi jam kurtenon
De tiu Morgaŭ kaj vidi havenon!

Ĉu ni do estas firma orĉenero,
En la senfina de l' homaro ĉeno,
Ĉu nur de l' revoj flugilaj mistero —
De efektivo kaj song' miskompreno,
Ĉu ĝerm' ni estas en plugita fendo,
Ĉu nur mirinda fabelo — legendo? . . .

STANISLAW BRAUN

sola suvereno, kiu diktas pri sorto via kaj la mia, ĉar ĉio, kio estas ĉirkaŭ ni, servas min kiel obeema sklavo. La soifa varmego de la sopirsufokaj noktoj, la senlima dezerto, en kiu vi sentas vian perdiĝon kaj kie la soleco vin premas kiel la teruro de l' morto, la amvoka hurlo de la rabbestoj en la nokto, la tropika frenezo de la boligita cerbo — ĉio ĉi pelas vin inter miajn brakojn, ĉio . . . ĉio deklaras tiun veron, kiun mi havas sur mia sino. For la falsan filozofion! For!

*Robby* (kun vekiĝanta admiro, sed kun malforta kontraŭstaro en la voĉo): Mary, ne . . . ne.

(Vesperiĝas.)

*Mary* (neatentante pri liaj vortoj, daŭrigas): Ami kaj nur ami varmege, arde, sinforgese. Serĉi tiun, kiun ni sopiras kaj trovinte lin alkroĉiĝi kun plena sinforgeso. Robby, ni trovis unu la alian. Vi amas min kun la sama tirana pasio, kun kiu mi amas vin. Sed ankoraŭ ligas vin la sociaj mensogaĵoj, la lunatika vagado de la sonĝhomo. Mi vekos vin el tiu ĉi narkoto. Mi vekos vin per sola kiso de mia soifa buŝo . . . (Ŝi klinas sin tute proksimen al li.)

*Robby* (kvazaŭ senkonscie): Mary, mi tre . . . tre . . . (Jeffa aperas en la fono kaj kun dolora rezigno rigardas ilin.)

*Mary*: Ne timu la vorton! Diru, diru do, ke vi amas min!

*Robby*: (timigite rigardas ŝin kaj per sia rigardo konfesas ĉion.)

*Mary* (kun singulta histeria ekkrio, en kiu aklamas la triumfo): Fine . . . fine . . . vi . . . la mia. (Subite ŝi ĵetas sin kun arda ĉirkaŭpreno al lia brusto kaj kun volupta mieno ŝi proponas siajn lipojn je kiso) . . . nur unu kison . . . nur unu . . . kara . . .

*Robby* (en tiu ĉi momento rimarkas Jeffa, kiu senmove staras ĉe la estingiĝanta fajro. Li perforte kaj krude liberigas sin el ŝiaj premantaj brakoj kaj kvazaŭ korŝire krias): Jeffa! Jeffa!

### *KVARA SCENO*

*Robby, Mary, Jeffa, poste Hawkins kaj Abu*

*Mary*: (en la unuaj momentoj ne scias, kio okazis, sed poste, rimarkinte la proksimiĝantan Jeffa, ŝi provoke, batalprete rigardas ŝin.)

*Jeffa* (antaŭenvenas kaj haltas inter ili): Kio plaĉas al mia sinjoro por ordoni al mi?

*Robby* (parolas kun febra rapideco, estas evidente, ke li pene serĉas elirvojon el la premanta situacio): Mi ne ordonas al vi, Jeffa! Mi nur petas, petegas. Rigardu min! Mi volas vidi viajn okulojn, profundiĝi en vian animon, mi volas kvietigi per via voĉo la saltantan pulsadon de mia sango. Vian voĉon mi volas aŭdi, Jeffa! Vian voĉon, vian muzikan ridon . . .

*Mary* (longe ekridas, sed ŝiaj okuloj kolere fulmas): Komedianto!

*Jeffa* (simple, sed kun kora varmo): Mia sinjoro kondutas strange. Iu ofendis lin. Mian sinjoron iu sorĉvenenis per okuloj.

*Robby*: Parolu, parolu! Vian voĉon mi volas aŭdi, vian voĉon . . .

*Jeffa*: Jeffa dancos kaj kantos al sia sinjoro, por ke la sorĉo rompiĝu — kaj rido aperu sur liaj lipoj. Jeffa karese glatigos la frunton de sia sinjoro, por ke la sulkoj de la zorgoj . . . (Ŝi etendas la manon por kareso al li.)

*Mary* (en iu momento, por malhelpi ŝin, subite kaptas ŝian manon): Ne tuŝu lin! Li estas la mia.

*Robby* (konsternite): Mary!

*Jeffa* (trankvile): Mi ne komprenas vin, sinjorino.

*Mary* (kvazaŭ furiozante): Ne tuŝu lin! Ne kuraĝu lin tuŝi per viaj manoj!

*Robby* (timigite): Mary! Vi ne konscias pri via konduto! Pripensu!

*Mary* (sovaĝe): Pripensi?! Ne! Ne! Mi nenion volas plu pripensi, mi ne volas toleri plu la katenojn, kiuj sufokas mian vivon. For ilin! For! Kaj for ankaŭ cin, vaganta hundino de la dezerto, cin, avide embuskantan serpenton, kiu volas mordi je morto mian koron. Lasu lin kaj iru for! Li estas la mia! (Ŝi flankenpuŝas Jeffa el sia vojo kaj kuras al li. Kun forta ĉirkaŭpreno ŝi premas sin al lia brusto.) Robby, vi estas la mia! Vi diris

al mi, ke vi amas min kaj la vorto donas al mi rajton, jes, rajton al vi . . .

*Robby* (luktante kun ŝi, volas liberigi sin): Mary, estu prudenta. En ĉiu momento povas alveni via edzo kaj...

*Mary:* Kial vi ne diras, ke vi ne amas min?

*Robby:* Mary, je la nomo de Dio mi petas vin, ne faru malprudentaĵojn. Vi . . . vi ne scias . . .

*Mary* (flamante): Ĵuru je la tombo de via patrino, ke vi ne amas min!

*Robby:* Mary! Mi petegas . . .

*Mary:* Diru, diru do al tiu ĉi felaha ĉifono, ke vi amas min, ke vi abomenas ŝin, ke mi estas via sola penso, ke mi kaj nur mi . . .

*Robby* (maldelikate ŝin forpuŝas de si kaj kuras al Jeffa): Sinjorino, vi estas kruela kaj senkora. (Kun kompato li ĉirkaŭprenas Jefa.) Ne aŭskultu ŝin, Jeffa! Ne aŭskultu!

*Jeffa* (kiu dum la tuta sceno kun silenta rezigno staris senmove, nun, kvazaŭ petante defendon premas sin al li): Moabia! Moabia!

*Mary* (kun larĝe malfermitaj okuloj rigardas ilin).

(Daŭra silento. La vesperkrepuskon iom post iom superregas la lumo de la leviĝanta luno. Ekstere eksonas la preĝanta ĥoro de mahomedanoj: „Il Allah la illa Mohamed rasul Allah." Hawkins aperas kune kun Abu en la fono.)

*Mary* (mallaŭte kun rezigna tono): Robby, vi hontigis min tiel kruele, kiel oni ankoraŭ ne hontigis amantan virinon.

*Robby* (pentvoĉe): Mary, vi devigis min esti kruela.

*Mary*: Robby, vi ĵetis mian koron en la koton.

*Robby*: Mi ne . . . mi ne volis . . .

*Mary* (tre milde): Robby, vi priploros min.

*Robby* (kortuŝite): Mary, pardonu min!

*Mary* (ne respondante klinas sian kapon).

Abu kaj Hawkins atingas la fajron, kies ardaĵojn jam kovras cindro.)

*Abu*: La fajro estingiĝas.

*Hawkins*: Oni devus nutri ĝin.

*Robby* (proksimiĝas kelkajn paŝojn al Mary): Via edzo revenis.

*Jeffa*: (sekvas lin).

*Abu* (krias maldekstren): Mehmed, portu hejtaĵon!

*Mary* (mallaŭte): Robby, vi estis malkuraĝa konfesi vian amon antaŭ tiu ĉi knabino, kiu estas por vi nenio...

*Robby* (proteste gestas).

*Mary*: Ne protestu! Ŝi estas por vi nenio pli ol modelo, kiun la hazardo ĵetis sur vian vojon. Mi pruvos al vi, ke mi estas pli kuraĝa ol vi. Vi hontigis min kaj la ŝuldon nun mi pagos.

*Robby*: Kion vi volas fari?

*Mehmed* (venas de la maldekstra flanko kaj portas faskon da branĉoj, kiun li metas apud la fajron).

*Abu* (prenas kelkajn branĉojn kaj metas ilin sur la ardaĵon).

*Mary* (provoke): Mi estos pli kuraĝa ol vi. Mi konfesos mian amon al vi en la ĉeesto de mia edzo.

*Robby* (tre serioze): Mary, tion vi ne faros.

*Mary* (obstine): Sed jes, mi faros.

*Robby* (iras tute proksimen al ŝi kaj peto vibras en lia voĉo): Mary, estu prudenta. Vi multe riskas en tiu ĉi ludo kun fajro. Vi riskas la estimon kaj amon de via edzo, la tutan trankvilon de la edzeca vivo . . .

*Mary* (sentante, ke en tiu ĉi situacio nun ŝi fariĝis pli forta ol li, volas eluzi sian avantaĝon): Eh, mi prifajfas la estimon kaj amon de mia edzo. Mi nenion povas riski jam krom mia vivo, kiu valoras nenion sen vi, Robby. Mi ne ludas. Vi estas, kiu ludas komedion, komedion malkuraĝan . . .

(La branĉoj, metitaj sur la fajron, nun ekflamas.)

*Abu*: Jen! Jam denove ĝi flamas.

*Robby* (decide): Faru kion vi volas! Faru! Voku vian edzon kaj ripetu la amkonfesojn antaŭ li. Mi respondos, jes, mi respondos. Mi sentime rigardos en la okulojn de tiu honesta maljunulo, kiun vi ne meritas. Jam estas

# PLENDO

Sola mi estas . . . ho, mi estas sola,
Kiel ĉi kruco ĉe la vojo pola,
Kiel ĉi kruco kun Dia turmento
Nigre pentrita sur la firmamento! . . .

Pasis la revoj, pasis sonĝoj belaj,
Ikaraj flugoj, migroj alĉielaj —
Sur ĉi vojiro kiel peza ŝtono
Sola mi restis ĉe la vojduono.

Sola mi estas . . . trompis fortoj junaj!
Kaj malproksime tiuj randoj sunaj
Kaj malproksime, kun ĉiu momento
Ĉiam pli eta — marŝanta taĉmento.

Pasis la revoj . . . nun, ho sort' freneza,
Mi kvazaŭ ŝtono tiel estas peza,
Mi — kiu iam revis kun memfido
La bravan flugon de juna aglido!

Sola mi estas, ho mi estas sola.
Kiel ĉi kruco ĉe la vojo pola,
Kiel ĉi kruco kun Dia turmento
Nigre pentrita sur la firmamento.

STANISŁAW BRAUN

# TUTE EGALE

Aŭtuna tago jam eĥas signale . . .
Kien mi iras? — forflugis al maro
De sonĝoj miaj purpura birdaro . . .
Tute egale.

Revoj ne brilas en suno opale,
Nur kiel velka floraro sin trenas . . .
Kio sur tero, ĉi tie min tenas?
Tute egale.

Am' en la kor' kristaliĝis korale,
Kiel la vundo sanganta purpure —
Kia revoko do sonas murmure?
Tute egale.

Tute egale, ĉu reve, reale,
Morgaŭ, hodiaŭ aŭ eble neniam,
En hor' malgaja, serena, aŭ ĉiam —
Tute egale.

Tute egale . . . Ĉu fini fatale,
Ĉu senmortecon ĝisvivi sur tero,
Ĉu kiel hundo morti en mizero —
Tute egale.

Ĉu kapon kroni per laŭroj batale,
Ĉu sur kuŝejo fava ie putri,
Ĉu per aklamoj sin dum vivo nutri —
Tute egale.

Tute egale, ĉu brile — ĉu pale
Finan alvenon atendi de Sorto . . .
Tie eterno kaj ĉi tie morto —
Tute egale.

STANISŁAW BRAUN

tempo, ke li konu vin tia, kia vi estas! Voku lin! Do voku lin! Ĉu mi? Ĉu mi voku lin?

*Mary* (provoke): Voku, se vi kuraĝas.

*Jeffa* (timigite kuras al Abu): Moabia! Moabia!

*Robby* (kriante): Sinjoro Hawkins! Bonvolu veni al ni por kelkaj vortoj.

*Mary* (mirigite per lia kuraĝo): Kaj vere vi kuraĝis..

*Hawkins* (proksimiĝas): Nu, kion vi deziras?

*Mary* (mallaŭte): Robby, vi denove venkis min.

*Hawkins* (venas antaŭen): Nu, pri kio temas?

(Mallonga paŭzo. Robby staras kun serioza, mortpala vizaĝo. Mary embarasite ek- kaj ekridas, Jeffa kun streĉita atento rigardas ilin.)

*Hawkins* (trankvile): Nu?

*Robby* (malrapide, akcentante ĉiun vorton): Mi havis diskuton kun via estimata edzino. La temo estis la amo.

*Hawkins* (surprizite): La amo?!

*Robby*: Jes, la amo . . . kaj ni . . . kiel mi diru . . . jes . . . ni ne havas la saman opinion.

*Hawkins* (ridante): Tre kredeble! Mia edzino neniam havas saman opinion ankaŭ kun mi. Ŝi estas pasia diskutanto.

(Mallonga paŭzo.)

*Hawkins* (iomete malpacience): Sed kiel povas interesi min tiu ĉi afero?

*Robby* (al Mary): Sinjorino, mi petas vin, parolu! Vi estis tiu, kiu persistis, ke la demandon solvu via edzo mem. Jen! Li estas ĉi tie kaj preta aŭskulti vin. Parolu!

*Mary* (kuras al sia edzo kaj kun afektita flatemo parolas rapide kaj ridetante): Nu rigardu, Tom, kiel serioza estas lia mieno. Oni ne povas diskuti kun li, ĉar tro serioze li konsideras la vortbatalon. Vere estis nenio grava. Ni diskutis kaj . . . kaj . . . komprenebIe ni ne havis la saman opinion. Jen ĉio.

*Hawkins*: Mi ne komprenas, pri kio estis la disputo?

*Mary* (tre flate): Ne gravas. Kredu min, ke estas infanaĵo kaj mi . . . mi jes, bone, mi konfesas, ke mi ne estas tute prava kaj . . . Ĉu vi estas kontenta, Robby?

*Robby* (ne respondas, sed obstine, kun brakoj kunplektitaj sur la brusto, fikse rigardas ŝian baraktadon).

*Hawkins* (iom embarasite): Ŝajne li ne estas kontenta kaj mi vidas, ke la afero estas pli grava ol vi volas ŝajnigi. El via parolo nenion mi povas eĉ konjekti, tial mi petas vin, Robby, informu min pli klare pri la afero, ĝi komencas interesi min.

*Robby* (decide): Kaj ĝi povas interesi vin. Vi estas prava, sinjoro Hawkins, el la malklara parolo de via edzino oni nenion povas diveni. Mi estos pli sincera, pli klara kaj mi petos vian justan juĝon.

*Mary*: (kun kreskanta timo rigardas lin).

*Jeffa*: (iom post iom venas antaŭen).

*Hawkins* (tute serioze): Do, ni aŭdu.

*Robby*: Temas pri junulo, kiu amis virinon. Sed la virino ne estas libera. La sorto ligis ŝin al alia viro. La junulo rezignis subpremante sian kulpan senton kaj silentis. Sed venis la tento, ĉar ankaŭ en la koro de la virino ekflamis la sama sento. Ŝi estis pli malforta ol li kaj per sia senbrida konduto delogis la junulon je konfeso.

*Hawkins* (kvazaŭ li suspektus ion, iom ekscite): Kaj ili trompis la nenion konjektantan edzon.

*Robby* (daŭrigante): Ne.

*Hawkins* (senpacience): Ili grandanime rezignis, kiel en la romanoj.

*Mary* (subite): Jes!

*Robby* (trankvile): Ne!

*Hawkins*: Jes kaj ne! Kiu komprenas ĉi tion?

*Mary* (rapide, kvazaŭ baraktante): Ĉu vi ne komprenas? Jen la demando, kiun vi devas solvi. Jen la punkto, kie niaj opinioj kunpuŝiĝis kaj . . .

*Hawkins*: Mi ne komprenas aŭ mi tre bone komprenas.

*Mary* (kun altrudita ridetado): Ĉu vi ne komprenas? Sed jes! Ne ŝajnigu vin tiel nekomprenema. Ni ne povis interkonsenti. Jes! Ni ne povis, ĉar mi diris, ke la geamantoj devas rezigni kaj li persistis pri . . .

*Hawkins* (krude, preskaŭ minace): Kaj li persistis pri la trompo, pri adulto.

*Robby*: (amare ekridas).

*Hawkins* (preskaŭ tremante pro ekscitiĝo): Kaj kiu estas la virino? Kiu estas tiu virino? Ĉar la junulo estas vi, Robby Holmes. Tion mi divenas el via mieno. La virino estas sekve vi . . . vi . . .

*Mary*: (starante inter la du viroj restas muta).

*Jeffa* (kun firma kaj trankvila sinteno): La virino estas nur Jeffa. Jeffa, la felaha ĉifono, la rabia hundino de la dezerto, kiu volas rezigni pri sia sola amato.

(Ĉiuj tri surprize rigardas ŝin. La protesto jam estas sur la lipoj de Robby, sed Jeffa, por silentigi lin, milde, delikate metas sian manon sur ilin. Mary mirante turnas sin al ŝi kaj videble kortuŝiĝas. Hawkins suspekte observas ŝin, jen ŝin, jen sian edzinon.)

*Jeffa* (simple, sinofere): Jeffa, la simpla modelo, kuraĝis levi la okulojn al sia sinjoro, kiu indulge kaj favore akceptis la amdonacon de sia sklavino. Ĉu ne, mia sinjoro?

*Robby* (kortuŝite): Vi diris la veron, Jeffa.

*Hawkins* (liberiĝante de la premegaj sentoj): Ah, kiel ruze vi preparis por mi tiun ĉi surprizon. Iom strange sed... (lin denove kaptas suspekto)... sed vi Jeffa, vi estas knabino tute libera kaj tiu virino, pri kiu estis la parolo, estas edziniĝinta . . . ŝi estas ligita al alia viro . . . Vi estas libera . . .

*Jeffa*: Jeffa ne estas libera. Jeffa estas ligita al la dezerto, kie ŝi naskiĝis. La dezerto estas, kiu tenas ŝin ĉe si neforŝireble, kiel edzo la edzinon. Jeffa ne povas forlasi sian tiranon.

*Robby* (milde ĉirkaŭprenas ŝin): Sed jes! Jeffa forlasos sian tiranon.

*Hawkins* (bonhumore): Por sekvi la alian, ne malpli tiranan. Robby, nu, kion fari, estas ja via afero, permesu ke mi gratulu al via kurioza ideo kaj ekzotika edziĝo. (Li etendas la manon al li.)

*Jeffa* (delikate malhelpas la manpremon): Jeffa ne forlasos sian tiranon por sekvi la alian, ĉar tie, en la malproksima lando, tro frue mortigus ŝin la fremdaj vizaĝoj. Jeffa ne konas la vortojn de tiuj homoj, kiuj nur priridus ŝin.

*Robby* (protestante): Sed mi estos apud vi por defendi vin.

*Jeffa* (dolore ridetas): Ĝis kiam? Ĝis la enuo venus kaj nova virino por forrabi vin de mi. Jeffa devas rezigni pri sia sinjoro kaj vivi por la rememoroj.

*Hawkins* (mallaŭte al Mary): Ŝia amo estas vere kortuŝa.

*Mary*: (obstine silentas kaj kun videbla maltrankvilo rimarkas la vekiĝon de amo en la koro de Robby.)

*Robby* (kortuŝite): Jeffa, mi vere ne scias, kion diri . . . Jeffa, mi konfesas, ke . . .

*Jeffa* (milde): Mia sinjoro silentos. Mia sinjoro eĉ unu vorton ne diros por diri la senton, kiun nun kaŝas lia koro. Mia sinjoro nun, la unuan kaj eble lastan fojon, plenumos la humilan peton de la felaha Jeffa kaj silentos . . . Ĉu ne?

*Hawkins* (mallaŭte al Mary): Egipta princino en la ĉifonoj de almozulino.

*Mary* (ekscitite inter la dentoj): Komediantoj.

*Hawkins* (surprizite): Kio estas al vi?

*Mary*: Nenio. Mi havas kapdoloron. Ni iru por ripozi...

*Hawkins* (ĝentile): Vi estas prava. Jam estas malfrue kaj ankaŭ mi tre laciĝis. La ĉasistoj tro rapide rajdis kaj vole-nevole mi devis sekvi ilin por ne perdi la ĝustan vojon. (iom ridetante) Ni lasu la geamantojn solaj.

*Mary* (dolore): Jes. Ni lasu ilin solaj.

*Hawkins* (al Robby kiu kvazaŭ dronis en ama rigardo al Jeffa): Nu, Robby, pardonu nin, sed mia edzino volas ripozi. Mi devas sekvi ŝin. Hja! Mi estas obeema edzo, kiu volonte plenumas la justajn kapricojn de sia edzino. Bonan nokton! Belajn sonĝojn kaj (al Jeffa) neniam rezigni pri tiu, kiun ni amas kaj kiu amas nin. Neniam! Jen la ŝlosilo de la feliĉo. (Li iras al la tendo, staranta en la dekstra fono.)

*Mary* (kvazaŭ al si mem): Neniam rezigni pri tiu, kiun ni amas kaj kiu amas nin. Jen la ŝlosilo de la feliĉo.

*Hawkins* (al Mary): Nu, mia kara, se vi volas . . .

*Mary*: Tuj!

*Hawkins*: (iras en la tendon kaj post momentoj li pretigas la lampon kies lumo akre desegnas lian silueton sur la tolo de la tendo).

*Mary* (ŝovas sin inter Jeffa kaj Robby. Ŝia voĉo estas flustra, sed pasia): Robby, mi estis malkuraĝa, aĉe malkuraĝa kaj miaj fortoj estis paralizitaj. Pro mia momenta hezito mi preskaŭ perdis vin, vian koron, kiu — laŭ viaj vortoj — amis min.

*Jeffa*: Ŝi estas pli potenca ol ni ambaŭ, ĉar ŝi estas bela kaj ŝtelis sin neforpelebla en la koron de mia sinjoro. Mi estas malforta kontraŭ ŝi, miaj armiloj estas senpovaj kontraŭ la ŝiaj.

*Robby* (ridetante, sed ne sincere): Vi troigas ŝian potencon'



Muirhead Rone — Konstruado

*Robby* (kun malvarma ĝentileco): Bonan nokton, sinjorino! Belajn songojn!

*Mary* (ekflamante): Mi ne povas rezigni, mi ne povas...

*Hawkins* (en la tendo): Mary!

*Mary*: Neniam rezigni pri tiu, kiun ni amas kaj kiu amas nin. Li diris. Li mem. Li mem donis min al vi.

*Robby* (ĝentile): Sinjorina Moŝto, via edzo atendas vin.

*Mary* (ofendite, kun minaca okulbrilo rigardas al ambaŭ kaj senvorte rapidas en la tendon.)

*Jeffa* (timigite rigardas post ŝi): Ĉu vi vidis ŝiajn okulojn? Moabia! Moabia renaskiĝis.

*Robby* (ĉirkaŭprenante ŝin): Ne timu ŝin! Ŝi estas senpotenca.

*Jeffa* (konvinke): Kion Moabia volis, tion Moabia povis.

(Robby ne respondas. Iom distrite li iras al sia tendo kaj sidiĝas sur tiun ŝtonon, sur kiu sidis Abu en la komenco, Jeffa restas senmova sur la sama loko, kie ŝi staras. En la tendo de la geedzoj la lumo de la lampo perfidas dum la sekvantaj paroloj la jenon per siluetludo sur la tolo: Hawkins sidas ĉe tenda lito kaj foliumas grandan libron, en kiu kelkfoje li faras notojn per krajono. Li ŝajnas enprofundiĝinta. Mary staras antaŭ li kaj ŝia profilo akre desegniĝas sur la tolo. Ŝi alparolas Hawkins, kiu respondadas distrite, por momento levante la kapon.)

*Mehmed* (ĉe la fajro): La kameloj kaj ĉevaloj ne sen

kaŭzo maltrankviliĝas. La aero estas sufoke varma . . . Nekutime varma . . .

*Abu* (ĉe la fajro): Samumo leviĝas en la koro de la dezerto.

*Mehmed* (per blovo vigligante la fajron): La ĉasistoj rakontis, ke ili vidis proksime leonojn, kiuj verŝajne ekflaris la homan odoron . . .

*Abu*: Aŭ la antaŭsento pelas ilin . . .

*Mehmed*: La ĉielo estas sennuba.

*Abu*: La samumo estas neatendita gasto.

*Jeffa* (piedpinte proksimiĝas al Robby kaj haltas post lia dorso).

*Mary* (en la tendo subite komencas senvestigi sin).

*Mehmed*: Jeffa estas enamiĝinta.

*Abu*: Jeffa suferas.

*Mehmed*: La sinjoro amas ŝin.

*Abu*: La sinjoro kompatas ŝin.

*Jeffa* (subite ekkaŭras al la piedoj de Robby): Pri kio pensas mia sinjoro? Ĉu la koro de mia sinjoro havas ĉagrenon?

*Robby* (mallaŭte): Ne.

*Mary* (jam estas en negliĝo.)

*Hawkins* (suprenrigardas al ŝi kaj konsternite ŝajnas klarigi, ke la silueto sur la tolo perfidas ŝin).

*Mary* (ekridas laŭte kaj longe, poste subite ŝi estingas la lampon. La tendo fariĝas malluma.)

*Jeffa*: Por forpeli la noktajn fantomojn Jeffa dancos kaj kantos al sia sinjoro. (Kriante al Mehmed.) He! Mehmed! Agordu vian instrumenton! Portu al mi la serpentojn!

*Robby* (eĉ ne atentante ŝian parolon): Kiel arĝente ŝi povas rideti.

*Mehmed* (alportas la ladan kesteton, en kiu estas la serpentoj kaj transdonas ĝin al Jeffa): Jeffa, atentu! Unu ankoraŭ havas venendentojn. (Li reiras al la fajro kaj agordas la instrumenton.)

*Jeffa*: Ne timu! Mi estos singarda.

*Abu* (alportas alian kesteton, el kiu li prenas braceletojn, kiujn li metas sur la maleolojn kaj manartikojn de Jeffa): Kiun dancon vi volas?

*Jeffa*: La dancon de la egipta sklavino, kiu ravis la koron de la tirano per sia danco. Mi volas gajni la koron de mia amato. (Ŝi ĉiam pli kaj pli vigliĝas, ornamante sin per multkoloraj vitraj perloj, silkaj ŝaloj. Dum la preparo ŝi zume kantas la melodion de l' danco.)

*Abu* (iras al la fajro kaj pretigas sian instrumenton.)

*Robby* (fikse rigardante antaŭ sin): Neniam rezigni pri tiu, kiu amas nin kaj kiun ni amas . . . Jen la ŝlosilo de la feliĉo . . . (Je la muzikaj akordoj li ekatentas.) Kia muziko kaj kial?

*Jeffa* (kun naiva koketeco kuras al Robby): Jen via sklavino.

*Robby* (surprizite pro la ornamaĵoj kaj frapanta beleco de Jeffa, kiu kvazaŭ tute ŝanĝiĝe, rave staras en la fortaj lunradioj): Jeffa!

*Jeffa*: Ĉu Jeffa plaĉas al sia sinjoro?

*Robby* (ravite): Jeffa, vi estas bela, belega . . . Ne! Ne! Ne moviĝu! Restu tie, kie vi staras. Mi volas rigardi vin.

(Abu kaj Mehmed komencas la muzikon.)

*Jeffa* (ridetas feliĉe kaj ekstaze): Jam sonas la muziko. Jeffa kantos kaj dancos al sia sinjoro por gajni lian koron.

*Robby*: Kantu kaj dancu!

*Jeffa* (prenas el la lada kesteto du serpentojn kaj kuras al la fajro, kies flamoj ĵetas sur ŝin ruĝajn radiojn. Dum la kantado ŝi kantas, tenante la serpentojn alte en siaj manoj);

Flustra flut',
lula lud'
ĝemas dolĉe,
tremas sorĉe
tra l' dezerto lunarĝenta
por la danco amo-tenta . . .
por la danco amo-tenta . . .

Ruĝpapav',
plum' de pav',
ĉen' el oro,
kron' el floro;
min ornamas silkaj ŝaloj,
serpentsiblaj silkaj ŝaloj . . .
koron kovras kisvualoj . . .

(Mary, vestita en blanka nokta kitelo, aperas en la elirejo de la tendo kaj avide rigardas al Robby. Robby ne rimarkas ŝin. Li estas ravita de la danco.)

*Jeffa* (dancas kaj kantas):

Kuras sanĝo al la vango
de la virgulin',
flirtas la muslin'
kun serpenta klin' . . .
En lunbrilo lula trilo
vekas por delir',
sekvas min sopir'
laŭ balanca ir'. .

(Mary ekiras kvazaŭ fantome al Robby)

*Jeffa*:

Fluu el rigard'
fajreranta ard',
ekbruligu ĝi
flamon de pasi'!
Klinu la koro de l' sinjoro
sin al la sklavin'
ke li amu ŝin . . .
ke li a . . .

(Ŝi rimarkas Mary proksimiĝantan al Robby. Terurite ŝi ekkrias:)

Moabia! Moabia venas!

(Abu kaj Mehmed salte leviĝas.)

*Robby* (rimarkante Mary kun admiro): Moabia venas.

*Mary* (flate kaj flustre): La vivo venas al vi, Robby.

*Abu*: La ĉion enteriganta samumo.

*Mehmed* (terurite al Jeffa): Jeffa, la serpento . . . atentu! . . . Ĝi mordos . . .

*Jeffa* (la serpentojn premas al sia brusto): Moabia venkis la mizeran sklavinon.

(La lunlumo fariĝas ĉiam pli ruĝa.)

*Robby*: (konsciiĝante) Mary, vi perdis vian prudenton

*Mary* (pasie kaj sugestie): Mi ne volas rezigni pri vi . . mi ne volas . . . Mi estis aĉe malkuraĝa, sed nun ne . . neniam plu . . . Robby, amu min!

*Robby* (petegante, sed lia voĉo jam estas tiu de venkito): Mary, ne . . . ne . . . iru for!

*Mehmed* (terurite montras al la luno): Rigardu la lunon,

*Abu* (same): La samumo!

*Mary* (jam estas tute ĉe Robby kaj nun katosimile ŝovas sin al lia brusto, ĉirkaŭprenas lin): Al neniu mi donas vin . . . al neniu . . .

*Jeffa* (mallaŭte kaj dolore ekkrias, siajn brakojn forte premas al sia brusto, poste subite disetendas ilin. La serpentoj falas sur la teron).

(De malproksime venas la proksimiĝanta bruo de la samumo. La lunon dense kovras polvonubo.)

*Hawkins* (aperas en la enirejo de la tendo): Mary.

*Mary* (triumfe kriante): Jen! Venu! Venu! kaj mortigu nin, sed mi ne povas rezigni . . . mi ne volas. Venu kaj mortigu min, se vi volas, sed . . .

*Hawkins* (kun senbrida furiozo kuras al ili): Ah, ĉifono . . . (Li levas por bato la pugnojn.)

*Jeffa* (mortante baras lian vojon): Ne! Lin ne! Lin ne!

(Ekstere teruritaj voĉoj: La samumo! La samumo!)

*Hawkins*: (forpuŝas Jeffa kaj krude, sovaĝe ĵetas sin al Robby) Fripono!

*Robby* (ekŝanceliĝas pro la bato, sed post momento li komencas lukti kun li): Mi ne donas ŝin . . . mi ne donas ŝin al vi . . .

(La fajro arde ekflamas por momentoj kaj en ĝia lumo oni vidas la batalon por vivo kaj morto inter la du viroj. Robby estas sube. Jeffa terenfalinte rampas al la luktantoj kaj per la streĉo de sia tuta forto ekkaptas la gorĝon de Hawkins kaj sufoke premadas ĝin. Mary staras post ili kaj sovaĝe, pasie kriadas: „Sufoku lin! Sufoku lin!" La fajro estingiĝas kaj la scenejon kovras duonlumo. La bruo de la samumo superas ĉiun alian voĉon. La tendoj falas teren. La duonlumo fariĝas ĉiam pli malhela, ĝis fine regas ĉion la blinda nokto kaj la surdiga bruo de la samumo. Post momentoj longe etendite sonas la malespera dolora voĉo de Mehmed: Jeffa! Jeffa! kaj akra vekrio de Mary.)

(Kurteno falas.)

---

# MODERNAJ ANGLAJ KUPROGRAVURISTOJ

PAŬLO VARSÁNYI

La vera patrujo de l' gravurarto estas Anglujo, kie ĝi floradas ĉefe inter ĉiuj specoj de l' reproduktaj artoj. Multaj eminentaj artistoj okupas sin pri ĝi kaj ĝin subtenas delikatgusta publiko. Ĉi tiu artspeco ŝajnas plej bone konveni al la moderna artgusto. La facileco kaj kuraĝo; la senpereco kaj vigleco de l' figurado, la riĉeco kaj kvazaŭ neelĉerpebla diverseco de l' rimedoj: ĉiuj ĉi estas tiaj faktoj, kiuj certigas por ĝi gravan lokon en la moderna arto.

La fundamenton de l' moderna angla gravurarto metis *Turner*, kiu per sia gravurserio *„Liber Studiorum"* donis grandan impulson al ĉi tiu artspeco. La linio de l' evoluo kondukas tra la arto de *Girtin*, *Wilkie* kaj *Geddes* kaj ĉe *Whistler* atingis sian kulminacion.

*I. M. N. Whistler* verŝis en ĉi tiun arton novan kaj liberan spiriton: la grafikan impresionismon. Sur liaj gravuraĵoj regas la kapricaj linioj surĵetitaj sub la efiko de la momentaj impresoj kiuj sorĉas lumon, aeron kaj movon antaŭ niajn okulojn. Li serĉis la momentajn efektojn, kiujn li notis freŝe kaj skize sur la kuproplaton kun la nerveksciteco de l' febra kreado, kiu donas al liaj gravuraĵoj tian sugestan forton, kiun post li nur tre malmultaj povis atingi. En sia *Themse*-serio li skizis per kuraĝa mano la vivon de ĉi tiu rivero, la malrapidan movon de l' ŝipoj, la viglan mondon de l' dokoj kaj la fumajn fabrikojn. Liaj bildoj pri Amsterdamo kaj Venezio estas la plej grandiozaj folioj de lia arto.

Inde viciĝas apud li *Seymour Haden*. Komence li estis diletanto kaj laboris por distriĝo. La studado pri arto de Rembrandt estis la fundamento, el kiu evoluis lia arto. La stilsento de Rembrandt tiom penetris kvazaŭ en lian sangon, ke li povis ĝin esprimi en siaj verkoj kiel ion individuan.

Li ne estis multflanka artisto. Portretojn kaj figurojn li gravuris nur kelkajn. Tiom pli li donis sin al figurado de pejzaĝbildoj. Liaj gravuraĵoj grandioze sentigas la optikan efekton de l' sunbrilo, la spegulon de l' akvo kaj la fenomenojn de l' atmosfero. La teknikajn artifikojn li malŝatis. Li laboris ĉiam per la plej simplaj rimedoj, nur per la helpo de la linionigro kaj paperblanko. Lia gravuraĵo *„La Agamemnon"* estas eminenta artpeco de la angla arĥitektura gravurarto. Li estis la fondinto de la *„Royal Society of Painter-Etchers"*.

La francdevena *Alphonse Legros* plenigis la anglan gravurarton per nova enhavo. Lian tutan arton trapenetras lia filozofia mondrigardo. Li elleviĝis alte super la bagatelaĵoj de l' vivo, sur tian altaĵon, kie malaperas la malgrandaj detalaĵoj, kie estas videblaj nur la grandaj formoj de l' vivo kaj iliaj monumentalaj aperoj. Li profundiĝis en la problemoj de l' Vivo kaj Morto kaj serĉis impulsojn en la paraboloj de Nova Testamento. Kaj vere, liaj verkoj ŝajnas esti kreitaj por la Eterneco. Ankaŭ li studadis la arton de Rembrandt, tamen, ne kiel esploristo, sed kiel artisto, kiu eniĝas en lian misteron per sia intuitivo. Por li la gravuro estis vere la arto de la linioj. La esprimforton de la linio li pligrandigis tiel monumentala, ke tio estas en la angla gravurarto preskaŭ senekzempla. El liaj gravuraĵoj elleviĝas grandioze la serio „Mortdanco", kies folioj sentigas kun mirinda forto la nevenkeblan potencon de l' Morto. Ni preskaŭ ŝanceliĝas super la profundaĵo, kiun lia fantazio prezentas al ni. „La Morto kaj la branĉaĵkolektanto", „La amema Morto", „La Morto kaj la vagabondo" estas la plej monumentalaj folioj de ĉi tiu serio. Liaj pejzaĝbildoj elspiras ian apartan, solenan, biblian aeron. Lia gravuraĵo „Tempesto" kondukas nin reen preskaŭ al la tempo de l' Kreado. Kiel gvidanto de la *„Slade Shool"* li edukis tutan grafikistgeneracion.

Lia plej bona disĉiplo, kiu pleje respegulis lian instruon, estas *William Strang*. Liaj temoj estas ĉerpitaj el la sama ideosfero kiel tiuj de Legros. Ankaŭ lin traigis la stilsento de Rembrandt, sed ĝi ligiĝis ĉe li kun ia sovaĝa romantiko kaj kun la mistikizmo de la primitivaj italoj. Ankaŭ liajn gravuraĵojn karakterizas la senbrida flugo de l' fantazio kaj la profundeco de l' Penso. Unu el la plej produktemaj artistoj, kiu faris ankaŭ sennombrajn ilustro-gravuraĵojn per puritanaj, simplaj linioj. Liajn portretojn karakterizas ia solene severa seriozeco.

Ankaŭ la verkoj de *Charles Holroyd* montras la influon de Legros. *Frank Short.* estas inventema gravuristo de la angla marbordo. *Watson* estas lertmana arĥitekturgravuristo.

Sur la angla arĥitektura gravurarto vidiĝas la influo de la franca *Méryon*, kiun *Hamerton*, verkisto kaj grafikisto, faris populara en Anglujo. Sub la influo de la franca romantikismo *Méryon* faris mirinde fantaziajn gravuraĵojn pri

la konstruaĵoj de la malnova *Paris* kaj *Rouen*. Tra liaj bildoj marŝas ia malgaja, melankolia sentimento, kiu inspiris jam ankaŭ *Haden*. Lia fidela disĉiplo fariĝis *Cameron*.

*D. I. Cameron* komence estis sub la influo de *Whistler* kaj *Méryon*. La influo de *Méryon* same en la interna enhavo, kiel en ekstera formo, pleje evidentiĝas en la serio „*Vieux Paris*". Sed ĉi tiuj influoj baldaŭ solviĝis en lian interesan individuecon. La arĥitekturo kaj la pejzaĝo estas liaj ĉeftemoj. Li aspiras neniam pentrajn, sed ĉiam nur pure grafikajn efektojn. Li konstruas siajn kompoziciojn el la grandaj kontrastoj de la lumo kaj ombro. Simpleco kaj monumentaleco karakterizas liajn verkojn. Ne la detalaĵoj de la Naturo, sed ĝiaj ĝeneralaj aperformoj donas la inspiron al ni, el kiu naskiĝas poste profundsentaj kaj poeziaj folioj. Li serĉas la romantikon de la ruiniĝintaj kasteloj, la mistikan duonmallumon de la gotikaj katedraloj kaj la intiman pacon de la vesperkrepuska silento. Li estas la poeto de l' silento. Liaj gravuraĵoj „Vesperruĝo sur la Findhorn" kaj „Ben Ledi" elspiras senfinan harmonion kaj sentigas kun sugesta forto la mallaŭtan poezion de l' silento malleviĝanta sur la riverojn.

Ankaŭ en la arto de *Muirhead Rone* estas sentebla la influo de Méryon, manifestiĝanta en la prefero al la fantaziaj konstruaĵtrabaroj. Komence li preparis sin inĝeniero. Tio vidiĝas el la preciza desegnaĵo de liaj gravuraĵoj, per kiu same grandioze li povas figuri la homan figuron, la monumentalecon de l' konstruaĵoj kaj la fantazian amason de l' trabaroj. Lian atenton katenas ne la momentaj impresoj, sed la absolutaj formaperoj de la objektoj, al kio li submetas la plej grandan parton de sia subjektiveco. Eksterordinare akravida desegnisto, kiu profundiĝas en la plej ekstremaj detalaĵoj, tamen sen tio, ke lia verko perdus sian freŝecon. Liaj gravuraĵoj „Gaiety-teatro" kaj „Konstruado" teĥnike estas mirindaj.

La temoj kaj linioj de l' amerik-devena *Mac Laughlau* ankaŭ parolas en la lingvo de la *Méryona* romantiko. Li estas poezia figuristo de la italaj pejzaĝoj kaj svisaj Alpoj. *Oliver Hall* estas sentema, rapidmana skizisto. Fidela disĉiplo de Whistler estas la amerika Penell kiu figuras la vivon de urbegoj kaj fabrikoj, per teĥniko ŝtelernita de li.

En ĉi tiu mallonga artikolo ne estas mencieblaj kaj analizeblaj ĉiuj signifaj reprezentantoj de la angla grafika arto. Forrestis *Richard Goff*, ŝatata figuranto de l' vesperkrepuska ĉielo, *Alfred Cast*, gravuristo de delikataj pejzaĝbildoj, *Francis Thomas*, *August John* kaj ankoraŭ aliaj multaj eminentaj figuroj de ĉi tiu arto.

Ankaŭ inter ĉi tiuj eminentaj artistoj elbrilanta individuo estas *Frank Brangwyn*. Li estas la kreinto de la granddimensiaj pentroefektaj gravuraĵoj, kontraŭe al la tradicioj de l' angla gravurarto, kiuj esprimiĝas en la prefero al malgranddimensiaj kaj intimaj folioj. Brangwyn estas, antaŭ ĉio, monumentala. Tra liaj gravuraĵoj marŝas ia tragike monumentala patoso, plene de malhela kaj pasia eksciteco, de granda maltrankvilo, kiu ellevas ankaŭ la plej simplajn temojn el la ordinaro de l' ĉiutaga vivo. En lia mano ĉio fariĝas grandega. En liaj figuroj, kiel ekzemple sur lia gravuraĵo „Ŝiptiristoj", eĉ sub la ĉifonoj estas io grandioza, io kortuŝa, kiu faras ilin herooj de l' Laboro. Li laboras per grandaj dimensioj, en kiuj ĉio ricevas monumentalecon: la vigla mondo de l' haveno, la malkonstruado de l' ŝipoj kaj la bruanta, murmuranta vivo de l'fabriko. Lia gravuraĵo „Segistoj" (sur nia titolpaĝo) estas tre karakteriza folio de lia arto.

La angla gravurarto estas preskaŭ nacitipa. Sur ĝi disfluas ia malvarmeta nobla eleganteco, kiu evitas la parolemon kaj la febran serĉon de novaĵoj. Per kelkaj senperaj vortoj ĝi rakontas al ni ĉion kaj ankaŭ la plej simplajn temojn ĝi levas sur la altaĵon de l' Arto.

Grandioze ĝi fruktuzas la riĉaĵon de la grafikaj eblaĵoj, tie kaj tiel ĝi uzas ilin, kie kaj kiel ili estas la plej gravaj, plej efikaj. La fenomenojn ĝi dismetas en la plej simplajn kaj purajn formojn — tio ĉi estas ĝia ĉefprincipo.

---

# LA DIAMANTO

**I. L. PEREC, EL LA JUDA: J. JURYSTA**



am — rakontis la maljuna Rabi Ŝlojme en Bet-Hamidraŝ[1] — vivis koloniisto.

Fremdulo li estis en la vilaĝo, kie li loĝis; li kun neniu kaj neniu kun li interrilatis.

Li parolis alian lingvon ol liaj samvilaĝanoj; do neniu lin komprenis, nek eĉ volis kompreni.

Unu fojon la koloniisto trovis diamanton.

Kio ĝi estas, li ĝuste ne komprenis, tamen li ankaŭ ne estis malsaĝa kiel ŝtipo por ŝanĝi ĝin je mezuro da tritiko.

La diamanto lumbrilas kaj radias: „Ĝi estas kiel malgranda suno!" pensas la koloniisto. „La ŝtono certe valoras trezoron".

Sed inter fremdaj homoj kun tiu multvalora ŝtono li ne estas sendanĝera pri la vivo.

Se ili ekscios, oni tuj la unuan nokton atakos lin, disrompos la fenestrojn kaj forprenos la trezoron kune kun lia vivo.

Do li nepre devas kaŝi la ŝtonon.

Al la edzino li eĉ vorton ne diros pri la diamanto. Li amas ŝin, tamen virino laŭ la proverbo: „malmulta prudento, sed multe da sento",

[1] Bet-Hamidraŝ estas pregejo kaj samtempe lernejo, kie la piaj judoj studas sanktajn librojn kaj la Talmudon.

ne povos sin deteni kaj ne gardos la sekreton.

La koloniisto revenas hejmen, enterigas la diamanton en la legomĝardeno, antaŭ sia domo. Kiel rimarksignon li metas sur ĉi tiun lokon ŝtonon, grandan silikŝtonon, por ke li rekonu la kaŝejon. Kiam alvenos pli bonaj tempoj, sen envio kaj malamo inter najbaroj kaj precipe al fremduloj, tiam li scios kie serĉi kaj trovi la trezoron. Tiam lumbrilu kaj radiu la diamanto en hela tago!

Foje la juna edzino ekrimarkis la ŝtonon. Ŝi domaĝas la terspacon, kiun okupas la silikŝtono; sur tiu loko ja povas kreski bulbo aŭ kukumo... estas vere domaĝe!

Mem ŝi ne povas forruli la ŝtonon; do ŝi vokas la edzon por helpo.

Li ektimas.

— Dio gardu — li diras — ne tuŝu la ŝtonon!

— Kial?

— Ĝi estas feliĉodona ŝtono! Ĝi donas al ni feliĉon kaj benon!

— Ĝi ja estas ordina silikŝtono?!

— Tamen, vi vidas! Tian sorĉon ĝi jam havas!

Ŝi rigardas la ŝtonon kaj ne scias, ĉu la edzo parolas serioze aŭ mokas.

Ŝi rigardas en liajn okulojn kaj vidas, ke ili estas seriozaj, preskaŭ koleremaj, sen ero de mokrideto.

La edzon ŝi amas, ŝi opinias lin saĝa kaj honesta. Plie, ŝi ja estas virino; kaj virino ĉiam kontentas, kiam ŝi povas ion kredi: sorĉon aŭ ĉielsignon... Cetere ŝi ne havas multan tempon por pripensado; la legomĝardeno postulas tempon kaj zorgon. Do ŝi obeas kaj faras sian laboron.

La sekvintan tagon ekrimarkas la koloniisto du ŝtonojn en la ĝardeno.

— Kio estas tio? Kiu metis ĉi tien la duan ŝtonon? — li demandas.

La juna edzino ridetas.

Ĝuste la pasintan nokton ŝi neniel povis ekdormi. La luno tiel mirinde enradiis tra la fenestrokovriloj... Ŝi sopiris, ho kiel sopiris ŝia koro... ŝi ion timis...

La edzon ŝi ne volis veki. Fine ŝi decidis, ellitiĝis, kuris en la ĝardenon kaj alrulis duan ŝtonon...

Kaj tio trankviligis ŝin!

— Du ŝtonoj — ŝi ridetas — efikas duoble.

Kaj kion li faru, la koloniisto? Kiu edzo kolerus edzinon, kiam ŝi tiel infan-dolĉe ridetas, ĉirkaŭbrakas lin per mallarĝaj blankaj manoj kaj almetas la alabastroblankan frunton al lia buŝo?...

La blankan frunton li kisas kun plezuro kaj en la bluaj okuloj li serĉas respondon je tio, kial ŝi estas nokte tiel maltrankvila... kaj silentas!

La juna edzino opinias la kison rekompenco por sia boneco kaj pieco. Kaj ĉiufoje, kiam ŝi deziras kison sur la frunton, ŝi alrulas ŝtonon... Se li foje ne kisas ŝin, montriĝas larmoj en ŝiaj okuloj.

— — — — — — — — — — —

Al la junaj geedzoj naskiĝis du infanoj: knabo kaj knabino.

La knabinon ne mirigas la ŝtonoj, ŝi nenion demandas pri ili, sed faras la samon kiel la patrino.

La patrino almetas grandajn ŝtonojn, la malgranda filineto — ŝtonetojn; ju pli ŝi aĝas, des pli grandajn ŝtonojn ŝi alrulas.

La saĝa filo jam demandas: Kion signifas la ŝtonoj?

— Ŝtonoj — respondas la patrino, fiere, ke ŝi tiom scias — estas feliĉodonaj!

— Kiamaniere? — miras la malgrandulo — kaj kion signifas: ili estas feliĉodonaj? Ĉu oni iafoje havas pli multe ol oni akiras per laboro?

Tion ĉi la patrino jam ne komprenas.

— Demandu la patron — ŝi diras.

— Kiam vi estos pli aĝa — respondas la patro — vi scios ankaŭ tion.

Kaj kiam la junulo plenkreskis, la patro diris al li la sekreton pri la diamanto.

Kaj same okazis en longa vico de generacioj. Ĉiu patro transdonis la sekreton pri la diamanto al sia plej aĝa filo.

En ĉiu generacio nur unu sciis pri la diamanto kaj la aliaj kredis, ke silikŝtonoj estas feliĉodonaj; ju pli multe da ili, des pli bone. Kaj ĉiu generacio alruladis ŝtonojn.

Najbaroj rigardas kaj miregas.

Unuj ridas, aliaj, male, ŝatas la malnovajn morojn, kiujn ili estis trovintaj, post sia naskiĝo, kiel malnovajn.

Ne malmultaj pensis, ke la moroj devenas ankoraŭ de l'tempo, kiam anĝeloj per ŝtuparo malsupreniradis el la ĉielo kaj homoj estis ilin vidantaj.

Multaj najbaroj, por montri al la familio sian amikecon kaj simpation, levis ŝtonojn de la vojo kaj, pro amo, ĵetis ilin en la ĝardenon...

En la familio mem la ŝtonĵetado fariĝis jam de longe kulto, sankta kutimo, speco de diservado.

Junuloj kontraŭbatalas la malnovajn morojn; maljunuloj koleras kaj minacas per ostaj pugnoj.

La junularo paroladas kontraŭ la ŝtonrulado kaj la maljunuloj diras:

— La kutimojn de niaj patroj kaj prapatroj ni sekvos...

— Niaj prapatroj estis pli saĝaj ol ni kaj ĵetadis ŝtonojn, — evidente devas tiel esti!

— Ne ni kreis la mondon, por ke ni ĝin plibonigu, aliformigu. Bona ĉevalo laŭiras la relon kaj ne rompas la piedojn sur novaj vojoj!

Tiajn kaj similajn saĝaĵojn kaj proverbojn ili citis, dank al kiuj staras la mondo, t. e., nia homa mondo...

Kaj se junulo volis kontraŭagi, minacis la

maljunuloj, ke ili „disrompos la ovojn, kiuj volas esti pli saĝaj ol la kokinoj!“

Jar-jare forlasas junuloj kun larmoj en la okuloj la malnovan domon, foriĝas de la antikva familio kaj migras por serĉi laborenspezojn eksterhejme, manĝi panon el fremdaj bakejoj kaj nokti sub malpropraj tegmentoj. Ili devas formigri, ĉar hejme jam estas ne eble vivi:

La ŝtonar-monto kreskas de tago al tago. Unuopaj ŝtonoj malsuprenruliĝas kaj ĉiam pli alproksimiĝas al la domo. Post tempo la sanktaj ŝtonoj ĉirkaŭbaris pordon kaj fenestrojn.

— Ne domaĝas, ne gravas — diris la maljunuloj.

Oni starigas ŝtuparon kaj eniĝas tra la kamentubo. Ekmankis aero en la ĉambro: ankaŭ ne malfeliĉo! Kiam oni malmulte manĝas kaj mallonge vivas, oni bezonas malmulte da aero. Finiĝis la vivrimedoj. Mankas loko por plugado kaj semado, ĉie ŝtonoj, ĉiuloke nur ŝtonaro.

— Permesu almenaŭ — petegas la junularo — kunamasigi la ŝtonojn; atingu la ŝtonarmonto la ĉielon, sed malmulte da spaco ĝi okupu sur la tero! Estu loko kie plugadi kaj semi.

— Sendiuloj! — Krias la maljunuloj. — Nur tra niaj kadavroj vi alproksimiĝos al la ŝtonoj...

Rabi Ŝlojme enpensiĝas momenton kaj ekflaras naztabakon.

Ni, junuloj, atente aŭskultintaj la rakonton, ekspiras nun profunde kaj unu demandas:

— Kaj kial silentas tiu, kiu scias la sekreton pri la diamanto kaj ne interpacigas la junularon kun la maljunuloj.

— Jen estas la malfeliĉo — respondas Rabi Ŝlojme kun ĝemo — ke dumtempe oni tute forgesis pri la diamanto.

Ĉu iu subite mortis, kaj ne havis tempon por transdoni la sekreton al sia filo?...

Ĉu iu al sia propra patro ne kredis kaj sian infanon ne volis trompi?...

Sufiĉe — ke la diamanton oni forgesis kaj neniu scias pri ĝi. Nun malpacas kaj batalas junularo kun maljunuloj pri ŝtonoj!...

— — — — — — — — — — —

Rabi Ŝlojme finis.

Kaj ni volas diveni kaj demandas: Kion simbolas la diamanto?

— La judan animon?...

— La unuan diordonon?...

— „Amu vian proksimulon kiel vin mem“?...

Sed Rabi Ŝlojme ne respondas, mistero vagas sur lia vizaĝo.

— Junulaĉoj — li ekdiras — nun iru for hejmen, jam tagiĝas!

## ANIMO PAROLAS

KAZIMIRO ANDREO JAWORSKI. EL LA POLA: M. ARCO

Nun oni vivas. Sun'. Poemoj. Floroj.
Kaj dolĉa kiso de la buŝ' knabina.
Amo. Malamo. Sinceraj fervoroj.
Dolor'. Kaj ĝojo. Plor' kaj rid' senfina.

Nun oni vivas. Kaj nun oni amas.
Kaj koro batas. Kvazaŭ sonoril'.
Kaj en la koro deziro ekflamas
Teron traplugi per laborplugil'.

Kaj estas bone. Jam kutima tio.
Laboras sentoj. De l' gusto. De l' vid'.
Formoj. Kaj sonoj. Ombro kaj radio.
Kaj movo. Ĉie de l' movo spirit'!

Kaj kio morgaŭ? Dormi sub la tero
Nomiĝas: morto. Tombo kaj tombaro.
Vane. En putro ĝermas vivo-ero
Kaj nova fort' leviĝos al batalo.

Mort' kaj revivo. Jam kiomafoje?
Senfine eblas transformo alterna.
Eble neniam trafos min survoje
Anĝela hor' kun *requiem aeternam*...

Post mi senfino, antaŭ mi senfino.
Fluoj, defluoj. Kaj steloj en alt'!
Ho, kiam Dio premos nin al sino,
Vokos al mondoj la potencan: halt'!

## NETUŜITA

FRITZ MÜLLER, EL LA GERMANA PH. HALM

Estis la malnova fakto: La plej valora devas morti. Bruno Stroll fakte estis la plej valora inter ni, amikoj. Kie ni estis je la fino de nia latino, li komencis brili. Brili kaj bruli. Kiom ofte ni varmigis nin per lia fajro kaj tenis niajn manojn super ĝi. Eĉ en tiu vintro, kiam li devas morti. Ĉar ĝis la fino li fajreris de vivo. Neniam ni vidis iun, kiu tiom amis la vivon, kiel tiu Bruno Stroll. Li amis ĝin en ĉia formo, ankaŭ en la dolora. Ĝis la tago, kiam la kuracisto, inter ni, amikoj, malkaŝe diris al li:

„Stroll, kara Stroll, malfeliĉe vi promesigis min senindulge diri al vi la puran veron. Vi suferas je intesta tuberkulozo —“.

„Nekuraceble, ĉu ne?“ rediris Stroll. Kaj nia medicinulo ekmoviĝis kaj diris kun intereso:

„Kiel belan Nietzsche-bildon vi havas tie, mia kara Stroll, ĉu vi permesas, ke mi prenu ĝin en la manon?“ Kaj tiam ili ambaŭ studrigardis la Nietzsche-bildon.

„La predikanto de l' vivo“, diris la juna kuracisto.

„Sed ne de l' vivo je ĉia prezo“, respondis Stroll.

„Kiu scias, kiu scias? Li vivis je la prezo de eĉ spirita ennoktiĝo".

„Hm", diris Stroll, kaj senvorte rependigis al bildon. Post kelkaj tagoj li jam kuŝis en la hospitalo. La doloroj venis kaj foriris kiel la nuboj en la ĉielo. La plej malhela nubo ankoraŭ havas randaĵon de arĝento. Kaj la malgranda, sennuba peco de ĉielo, ĉirkaŭ kiu ariĝas la nuboj, havas pli belan blukoloron, ol iam la tuta, nekovrita ĉielo. Amiko Stroll en la sendoloraj horoj restis plena de profunda vivĝojo. Sed tiuj horoj fariĝis pli kaj pli maloftaj.

Foje la nuboj kaŝis eĉ la lastan blupecon de lia ĉielo. Mi sidis sur lia lito-rando.

„Ĉu vi volas fari al mi lastan amiko-servon?" li demandis, kiam mi ekstaris por foriri.

„Kompreneble, Stroll. Kio estas?"

„Ciankalio", li diris simple. Kaj pro doloroj li grimacis. Mi ektimis kaj jam volis komenci primoralan predikon. Oni ja konas ĝin, ĉi tiun predikon. Sed li rimarkis mian intencon kaj diris:

„Neniàn longan paroladon, ĉu ne? Mi ne plu havas multe da tempo aŭskulti ĝin, vi scias. Nur „jes" aŭ „ne", ĉu ne?"

„Ne" mi diris profunde ekspirante kaj foriris. Post tio mi tutan semajnon ne refariĝis serena. Jen mi renkontis nian amikon la kuraciston. Li ankaŭ faris viziton ĉe Stroll.

„Ĉu li petis ankaŭ vin?" mi demandis inter du apudaj trazoj.

„Pri kio?" li diris. Sed li estis ektiminta.

„Vi do ĝin donis al li?"

Lia mieno ricevis esprimon de turmento.

„Ĉu mi povis agi alie?" li koleriĝis, „Jen li kuŝis en la aparta ĉambro, kiun oni instalis por mortantoj en la hospitalo. Kaj li sciis pri tio. Li sciis, ke ili povis elkalkuli lian morto-tagon, lian morto-horon. Tute ekzakte. Ĉion ĉi li vidis tra liaj doloroj, kiuj ne plu forlasis lin. Sur lia frunto ankoraŭ kuŝis la lasta, laca brileto de lia iama vivo-ĝojo, dum lia korpo malrapide mortis de malsupre. Peco post peco.

„Ĉu vi povas toleri, ke via amiko tiom suferas?" li demandis.

„Finu mian suferadon", li daŭrigis, „aŭ pli bone, donu al mi la rimedon fari tion mem." Kompreneble mi diris: „Mi ne rajtas fari tion. Imagu, se mi kuŝus kiel vi nun, kaj mi petus vin pri tio — kion vi respondus al mi". — „Jes mi respondus, ĉar vi estas mia amiko", li rediris. Kaj jen — kaj jen — jen — mi donis ĝin al li."

„La venenon?"

„Jes, la venenon. Li metis ĝin en la kavan stangon, kiu elstaras je la rando de lia lito, kaj de kiu li deŝraŭbis la kapsulon, sciu. Tie la veneno nun trovas sin."

„Ankoraŭ?"

„Mi ne scias. Estis antaŭ unu semajno."

„Ĉu vi konsciis pri tio, ke vi metis vin en grandan danĝeron?"

„Estas bona vetero hodiaŭ. Ĉu vi konsentas promenadon antaŭ la urbon?" li respondis, „ĉu vi volas viziti lin?"

„Jes", mi diris, kaj sentis min iom hontigita de mia amiko. Ĉi tiun viziton mi neniam forgesos. Kiam mi sidis apud lia lito, kaj li meze de siaj doloroj sin devigis al serena mieno kaj ŝajnis ĝoja kaj malpeza; kiel miaj okuloj ĉiam kaj ĉiam refalis sur la kavan stangon, en kiu kuŝis la blankaj pecetoj; kiel li subite devis trapasi akran dolor-atakon kaj konvulsie ĉirkaŭprenis la kavan stangon, post kio li denove ŝajnis mirinde trankviliĝinta; kiel li fine milde, preskaŭ karese palpetis tra ĉi tiu stango kaj diris al mi ĝojan adiaŭon — ĉion ĉi mi neniam forgesos.

Kaj krome mi memoras, kiel ni — liaj amikoj — ĉiun tagon kun eta tremo trarapidis la nekrologan kolonon en la gazeto. Li ne estis inter la mortintoj. Dimanĉo post dimanĉo alvenis. La kuracistoj en la hospitalo skuis la kapon — li nun jam vivis la duoblan tempon, kiun oni elkalkulis por li. La disfalo de lia korpo ŝajnis haltigata per magia forto.



Seymour Haden: „La Agamemnon"

La tuta aŭtuno forpasis. La vintro jam komencis blanke etendiĝi tra la tuta regiono — tiam estis, je dimanĉo antaŭ kristnasko, ke nia amiko la kuracisto kun telegramo en la mano venis en mian loĝejon. Stroll estis mortinta.

„Senbatale“, oni diris al ni en la hospitalo. Kaj tio ne estis nura frazo. Li fakte estis milde ekdorminta. Oni jam estis forportinta lin transen, en la malgrandan dometon, kie estis odoro de velkiĝintaj florogirlandoj.

„Sinjoro kolego“, diris mia amiko al kuracisto de l' hospitalo, „ni volas stari lastan fojon ankaŭ la lito, kie nia amiko tiom longtempe suferadis, kie ni sidis apud li . . .“

„Certe, certe“, distrite diris la hospitala kuracisto, „jen, mi petas, numero cent, vi ja scias la vojon. Pardonu min momente — oni vokas min.“

Ni silente staris antaŭ la malplena lito. Tiam mia amiko kun decida movo paŝis al la kapofinaĵo, deŝraŭbis la metalan kapsulon de la kava stango, metis fingron en la kavaĵon, palpis hezite, ekspiris kaj elmetis du blankajn pecetojn . . .

„Netuŝitaj“, diris li.

---

# NELOJALE!

RAYMOND SCHWARTZ DE LA „VERDA KATO“

Mi sidis hejme, sur la sola seĝo kiun mi ankoraŭ posedas, ĉe mia skribtablo kaj tre serioze fumis mian pipon.

La loĝejmastrino eniris kaj senvorte transdonis al mi vizitkarton:


SINJORO LAK SIGIL
*Reprezentanto de U.E.A.*

Se oni estas Esperantisto, oni miras pri nenio. Tamen, mi unue embarase tusetis, sed tuj poste ekkomprenis, ke estas mia sankta samideana devo akcepti reprezentanton de U. E. A. Kaj kun heroa decido mi petis: „Bonvolu enirigi tiun sinjoron tra la pordo!“

Dum ŝi iris, mi formetis mian pipon, prenis multajn paperfoliojn kaj skribadis kiel poeto kiu ĵus havas bonegajn ideojn kaj samtempe atendas intervjuiston. Ĉar, — kiu scias — eble tiu sinjoro Lak Sigil estas sendita de la gazeto de U. E. A. por vidi min en mia verkejo kaj poste skribi interesan artikolon pri mia poeta laboro.

Intertempe li eniris kaj haltis atende ĉe la pordo. Granda leda valizo pendis en lia dekstra mano. Mi kompreneble ne rimarkis iin, sed klopodis „verkante“ fari bonan impreson. Atentige pri sia ĉeesto, li delikate ternis. Nur nun, subite lin ekvidante, mi komplimentis;

„Ho, pardonu, sinjoro delegito, — mi estas tre kontenta konatiĝi kun vi, — bonvolu do sidiĝi!“ kaj mi vokis la loĝejmastrinon por ke ŝi alportu seĝon al mia vizitanto.

Kaj mia vizitanto deklamis:

„Mi petas vian pardonon, estimata sinjoro, se mi ĝenas vin, sed . . .“

Mi sukcesis interrompi lin:

„Ne grave, honorinda samideano, mi estis ĵus verkanta senpretendan poemon por via bonega gazeto, — krom tio mi nuntempe ankaŭ skribas la „Historion de niaj Eminentuloj“ kaj la lastan ĉapitron de la „Kompleta Analizo pri la Morala Influo de Virinaj Delegitoj“, — plue mi diros al vi konfidence, ke mi intencas pasigi la someron en Svisujo kaj ke mi ankoraŭ ne scias, ĉu mi akceptos fariĝi akademiano.“

Kontraŭe al la kutimo de ĉiuj intervjuistoj sinjoro Lak Sigil nenion notis sur sian libreton, li diris nur „bone, tre bone!“ kaj rigardis min timeme...

„Nu, kaj vi?“ mi demandis kuraĝige, „ĉu vi alportas novaĵojn pri U. E. A.?“

Per tiu demando mi ŝajne ekpinĉis la taŭgan kordon de lia parolemo, ĉar de nun nehaltigeble li paroladis kaj de tempo al tempo per signifaj gestoj pliklarigis la malluman sencon de siaj vortoj.

„Novaĵojn pri U. E. A.? — Jes, sinjoro, jen mia valizo!

Mi alportas novaĵojn eksterordinarajn, renversajn! — Sinjoro, ni ĵus eltrovis aparaton, novan aparaton, dank' al kiu de nun ĉiuj umbilikoj libere kaj normale disvolviĝos . . .“

„Sed, pardonu, . . .“

„Ne kontraŭdiru, sinjoro. — mi konas viajn argumentojn, ili valoras nenion! Vi ne povos nei la evidentecon! Depost multaj generacioj la homoj zorgas nur pri la sana fortikiĝo de siaj membroj, sed ili tute ne plu atentas la kreskigon de sia umbiliko. Ha, sinjoro, niaj praavoj havis grandiozajn umbilikojn kaj, — kiel rakontis Homero, — ili estis fieraj pri tio. Ĉu ne ankaŭ la umbiliko estas hom-ero? (Kontente li ridetis pri tiu dube-bongusta vortludo, sed tuj daŭrigis:) Jes, ĝi estas eĉ la centro de la homo, kaj tion ni ne forgesu!

Tial, sinjoro, nia Societo ĝustatempe kreis taŭgan aparaton por eduki la umbilikon, — ĉu vi aŭdas? por eduki la umbilikon, kaj per tiu aparato ni jam atingis preskaŭ miraklajn sukcesojn, kaj mi nun permesos al mi adapti ĉi tiun aparaton al via korpo, ĉar pro la malalta prezo ĝi estas facile akirebla de ĉiuj . . .

"Sinjoro," mi tondris," la ŝerco sufiĉe daŭris! Kiamaniere tio koncernas U. E. A.?"

Trankvile li respondis: "Dio mia, vi ne komprenis? Mi estas reprezentanto de la Umbilika Eduk-Aparato!"

# PAĜOJ

## EL MIA AGENDO

*1. Februaro*



Laŭ mia filozofia vortaro „idealismo“ estas identa je „malpraktiko“. Tamen mi ne neas, ke en certaj cirkonstancoj la idealismo estas pravigebla kaj laŭ certa difino eĉ nepre celinda; sed ofte ĝi igas kreski florojn, kies odoro narkotumas niajn sentojn, blindigante niajn okulojn *por la realo* tiel, ke senpripense ni aprobas aferojn, kiuj estas kontraŭ la prudento, kontraŭ nia utilo kaj eĉ kontraŭ la bona gusto.

Ideaĵo plej multe malkomprenata kaj pro tio akre kalumniata estas ekzemple *„egoismo“*. Sed mi diras, ke ekzistas du egoismoj: nobla kaj malnobla. La lasta havu sian malbonfamon; ĝi estas la besto, kiu postulas amon, sed ne volas reami; ĝi trompas, malutilas, ekspluatas la proksimulon; ĝi estas parazito malutilega, malestiminda, ekstermota; ĝi proklamis sankta la malican volon.

Sed la nobla egoismo! Ĉu tia vere ekzistas? Certe! Ĝi diras: Mi estu perfekta, antaŭ ol mi helpos aŭ donos; ĝi do estas modesta; — ĝi respektas la unikecon de ĉiu homo kaj ne altrudas al li sian propran pensmanieron; ĝi do estas liberala kaj neŭtrala; — ĝi eĉ hezitas helpi; timante difekti per tio la propran energion de iu homo; ĝi do estas delikatsenta; ĝi diras: ne tio vere helpas al la homo, kio venas el ekstere, sed nur tio, kion en lia interno konfirmis propra pensado, propra spertado: — ĝi diras plie: venu kaj prenu el mia superfluaĵo, sed ne atendu, ke mi venu al vi ne vokite; trapenetru mian internon, se vi inklinas kaj utiligu, kio estas por vi utiligebla; sed pro delikatsento mi meminiciate ne helpos al vi, ĉar: kiu helpas, verdire malhelpas: li malebligas la naturan evoluipovon de la homo, li faras lin sia ŝuldanto kaj dependigas lin; li eĉ ŝparos sian kompaton, almenaŭ la envortigatan, ĉar per tio li povus ofendi senteman naturon.

Ĉu vi vidas la diferencon inter la du egoismoj? Unu vorto kaj du ideaĵoj rekte malaj unu al alia!

Ĉio dependas de la interpreto, ĉio estas relativa. Diskutante pri la relativeco en la fiziko, ni ne malatentu la saman leĝon regantan en la spirita mondo.

Ni Esperantistoj ne estu adorantoj al *vortfetiĉoj*: „La litero estas senviva, sed la spirito vivas.“ Ni ne estu vortidealistoj, sed kor-idealistoj! Tiom pli bone ni komprenos unu la alian kaj fariĝos indulgaj kaj toleremaj.

„Ĉion kompreni signifas: ĉion pardoni.“ *Zanoni*

---

# MOND LITERATURA OBSERVO

LA HISTORIO DE LA JUDA LITERATURO. Multajn idiomojn kaj diversajn lingvojn uzis kaj parolis la hebrea popolo dum sia multmiljara ekzistad-historio. En la nuna tempo la judoj havas du lingvojn: la nacian, antikvehebrean — la lingvon de l' Biblio kaj de ĉiuj sanktaj libroj, kiujn ili neniam forgesis kaj ĉiam lernadis, kaj la popol-lingvon — la judan, aŭ la tiel nomatan „ĵargonon“. Nun estas mia tasko skizeti la historion de la literaturo kreita en la lingvo juda.

En la XIII. jarcento, pro persekutoj, la judoj estis devigitaj forlasi Francion, Lotaringion kaj ili migris en orientan Germanion. Tie ili komencis uzadi la mez-altgermanan idiomon, kiel ĉiutagan interkomprenilon kun siaj novaj najbaroj, ĝin miksis per hebrelingvaj frazoj kaj tiamaniere iom post iom estiĝis la germana ĵargono, kiun la judoj uzadis sen multe da ŝanĝoj ĝis la XVII., XVIII. jarcento. Kelkaj historiistoj opinias, ke la ĵargono fariĝis la popollingvo de la hebreoj ne antaŭe ol en la XVI. jarcento. Kvankam jam en la XIII. troviĝas kantoj kaj kelkaj verkoj skribitaj en alt-germana idiomo per hebreaj literoj.

La ĵargonon parolis, uzis nur la simpluloj kaj virinoj, dum la kleruloj, la instruituloj en la sanktaj libroj, ĝin jam de la komenco de ĝia naskiĝo malŝatis. Tamen por klerigi la popol-amason kaj instrui al la virinoj, ne sciantaj ja la hebrean lingvon, bonmorojn kaj piecon, oni devis malgraŭvole ekverki en la ĵargono. Kaj tiel en la XVI. jc. aperas verkoj ĵargonlingve, inter kiuj la plej gravaj estu menciataj; la „Sejfer Hamidot“ (La libro de bonmoroj) aperinta en 1542, kaj tradukoj el la kvinlibro de Moseo — en 1544.

Entute estis tradukitaj ĵargonen nur religiaj verkoj el la antikve-hebrea lingvo. La plejgrava verko tiuepoka estis la, en 1600. aperinta, „C'ena Ur'ena“ — popollibro en la plena esenco de l' vorto. Ankoraŭ hodiaŭ ĝi estas la plejamata libro de la piaj judinoj, kiuj ĉiusabate ĝin laŭtlegas. Ĝia enhavo konsistas el tradukaĵoj de la Toro — tamen ne seka ĵargonigo, sed komentariita per plejmiraj legendoj kaj fabloj pri la historio de la juda popolo.

En la XVII-jc. aperas jam rakontoj. La plej konataj estas: „Das Maase Buch“ (La libro de rakontoj) Kaj la: „Baba Maase“.

En la XVIII-jc. aperas la unuaj lernolibroj en la juda lingvo: lernolibro de aritmetiko kaj geografio pri Palestinio, eĉ priskribo pri la malkovro de Ameriko, titolita „Kolumbus“.

La famaj popolkantoj, la plej belega trezoro de la juda literaturo, devenas de l' fino de l' XVIII. kaj komenco de l' XIX-jc., kiam ili estis kreataj. De tiam ankaŭ datumiĝas la historio de l' juda teatro.

La juda literaturo estas la sola en la mondo, kiu sin apogis ne sur la leganton sed sur la legantinon. Tre ofte ankaŭ la verkistoj estis virinoj. La preĝojn nomatajn: „Thinot“ plejparte verkis virinoj. La viroj ignoris la lingvon kaj la literaturon en ĝi kreitan, sin okupis per studado de la Talmudo kaj indiferentis pri ĉio okazanta ekster la „geto“.

Revolucion en la juda menso kaj vivo kaŭzis la XIX-jarcento. Kune kun la ŝanĝo de la vivkondiĉoj, alian aspekton ricevis ankaŭ la literaturo. Estiĝas la „Haskala“-epoko, la epoko de klerigo. La juda socia vivo bolas pro multeco de direktoj kaj abundeco de ideoj, celantaj levi sur pli altan kulturan nivelon la vivkondiĉojn de la Hebreoj. Savon por la popolo oni vidis en la revivigo de la antikve-hebrea lingvo kaj en lerno de eŭropaj lingvoj. Kiel danĝera malhelpo por atingi tiun ĉi celon estis opiniata la „malbenita ĵargono“. Kaj per la ĵargono mem oni volis la ĵargonon malbeligi kaj detrui. Aperas judlingvaj gazetoj (Decembro 1823), verkoj kaj broŝuroj klerigaj. Sed, ho, la detruantoj mem estis la kreantoj de l' moderna juda literaturo.

Antaŭ nelonge estis festita la centjara datreveno de l' apero de l' una judlingva gazeto en Polio, kun pompo estis prezentita la, en 1825 verkita, teatraĵo de Dr. Etinger „Serkele“, kiu montras kiom da sanaj semoj enhavis la

juda literaturo. Do ne mirige, ke ĝi, venkinte ĉiujn barojn, ekvivis kaj ekfloris en la dua duono de l' XIX-jc.

Post la novelisto Agrik Majer Dik, la romanisto Spektor kaj poeto Frug, montriĝas sur la horizonto de la juda literaturo: ĝia avo — Mendele Moĥer Sfarim, Ŝalom Alajĥem, Dinenzon kaj Perec, kiuj enkondukis ĝin en la Mondliteraturon. Dum sia relative mallonga vivo la moderna juda literaturo posedas verkojn diskonigindajn al ĉiuj popoloj. Diversajn etapojn ĝi jam travivis. En la nuna momento regas en ĝi viveco. La literaturo kreskas de tago al tago kaj famiĝas ekster la tendo de la legantoj de l' juda lingvo. Forpasis senrevene la epoko, kiam „profanulo" estis tiu, kiu verkis en la „ĵargono" — en la lingvo de „servistoj kaj servistinoj".

Pri unuopaj verkistoj, atentindaj verkoj, kaj plua disvolviĝo — alian fojon. *Jur.*

## LOUIS COUPERUS

Dum la pasinta jaro oni inde festis en Nederlando la sesdekan naskotagon de *Louis Couperus*, kaj tiuokaze liaj admirantoj donacis al li vilaon. Kvin semajnojn poste, la 23an de julio, la fantaziriĉa kaj poeta verkisto mortis tie.

*Couperus* naskiĝis en 1863 en Den Haag kaj tute dediĉis sin, post sia studado, al beletristiko. Li konigis sin jam kiel arte aristrokata talento en siaj unuaj poemaroj *Printempo de Versoj* (1884) kaj precipe en *Orkideoj* (1887).

Per sia unua romano *Eline Vere*, kiu aperis en 1889, li forlasis la poezion kaj kondukas nin en la Hagan aristokratan dekadencan mondon priskribante la estingiĝon de granddezira sed senutila knabinvivo. La sekvantaj romanoj: *Majesto, Mondpaco, Grandaj Atutoj* okazas en reĝaj kortegoj kaj permesas al ni rigardi en la nunan diverskoloran kortegan vivon. Plenaj de pesimismo estas *Fatalo, Ekstazo kaj Mallongaj Arabeskoj*.

Simbolaj rakontoj estas „Psiĥe", „Fidesa" kaj „Babel"; precipe „Psiĥe" (el kiu verko troviĝas fragmentoj en ĉi tiu numero de L. M.) estas majstroverko kvazaŭ skulptita el bela lingvaĵo; ĝi estas dramo de l' homa animo. En „La dolĉa Forto", ludanta en Nederlanda Hindujo, kie la aŭtoro travivis parton de sia juneco, li priskribas la misteran batalon de la tieaj popolo kaj naturo kontraŭ la Eŭropanoj. Li ankaŭ pristudis la Roman mondon dum periodo de mora dekadenco en „Heliogabalus" kaj „Lummonto".

*Couperus* estis multverkanta aŭturo: ĉiujare li verkis libron. Liaj lastaj verkoj estas „La Ŝvebanta Ŝaktabulo", stranga romano ludanta en Irlando, kaj „La kompata Ŝnuro".

En „Metamorfozo" li rakontas kiel naskiĝis kaj kreskis siaj romanoj. Lia aristrokata, arte ĉizita stilo bone konvenas al la temoj de liaj romanoj. La morto de *Louis Couperus* kaŭzis en la nederlanda literaturo malplenon, kiu ne estas replenigebla. Multaj el liaj romanoj estas tradukitaj en diversaj lingvoj. *J. v. S.*

---

# BIBLIOGRAFIO

## GIOVANNI VERGA: CAVALLERIA RUSTICANA.

El la itala: *Rudolfo Castagnino.* Eldonis A. Paolet S. Vito Al Tagliamento (Italio).

Oni ne bezonas detale konigi la impresan veristan verkon de *Verga,* kiu, precipe per sia varianto por la muziko de *Puccini,* estas mondekonata. Kvankam oni povus diri, ke estus pli grave konigi per Esperanto pli nekonatajn verkojn, ol tiajn, kiuj estas jam tradukitaj en ĉiujn lingvojn de la mondo, — tamen eble pro propaganda kaŭzo estas bone, se oni povas diri pri konataj ĉefverkoj, ke „jen, tiuj kaj tiuj jam estas tradukitaj".

La lingvaĵo de la tradukinto estas gramatike senerara, ĝenerale bona. Certe, malfacile estas eble imiti en Esperanto la popolan parolmanieron. Laŭ mia opinio plej bone taŭgas por tio la kiel eble plej simpla stilo. Vortojn, kiel „disputinciti", „hontofendi", „ekskomunikitino" (anstataŭ: „malbenita") mi nepre evitus. Kaj mi evitus ankaŭ la tropreciziĝon de la frazoj. „Mi vin ne forlasos kondiĉe, ke vi ne konduku min en ekstremaĵojn"... — ĉi tio, ekzemple, sonas strange el buŝo de kamparano. La frazojn mi farus pli neglektaj. — „Kiel vi tion scias? — Mi tion scias." Ĉu ne sufiĉus: — „Kiel vi scias? — Mi scias."?

La vorteton „ne" oni metu antaŭ la vorton, kiun ĝi rilatas. Aŭdante „mi ne vin forlasos" — mi demandas „kiun do?" Diru do: „mi vin ne forlasos" aŭ „mi ne forlasos vin." Same pri „nur". „Diru nur al mi . . ." signifas: „sole al mi diru", „mi estu sola al kiu vi diras".

Cetere la stilo de la tradukinto montras bonan Esperantiston, kiu, pliprofundiĝinte en la spiriton de la lingvo certe donos al ni ankoraŭ belajn laboraĵojn.

## EDMONDO DE AMICIS: ITALAJ RAKONTOJ

Tradukis Dro. *P. C. Monti.* Eld. la sama 1922. La libreto enhavas ses rakontojn el la mondkonata verko de Amicis: Koro. La titolo karakterizas la tutan libron. Nin ĉarmas en la rakontoj infankoroj, amaj, oferemaj, noble fieraj, kompatemaj, sindonaj, heroaj. Neniu legos sen kortuŝo la rakontojn pri la skribisteto florenca aŭ pri la flegisteto de „tata". Al mi pleje plaĉis ĉi tiuj du rakontoj, kiuj havas neniom da milita gusto.

La lingvaĵo estas ĝenerale bona, flua kaj viva. Mi, tamen, notis kelkaj malkorektaĵojn: nekorektan uzon de *tiu* anst. *li;* strangan uzon de prepozicioj, apostrofadon de la artikolo *antau* vokalo; *kvazau se;* uzon de adjektivo anst. adverbo: „ili rigardis lin senmovaj", kaj aliajn, kiuj denove pruvas la necesecon de *internacia* kontrolo.

## SILVIO PELLICO: PRI LA DEVOJ DE L' HOMOJ

Parolado al junulo. El la itala: dro A. *Tellini.* Eldonis A. Paolet. St. Vito al Tagliamento.

Pri la verko mem ni ne povus uzi pli bonajn vortojn ol tiujn de la tradukinto en la antaŭparolo: „Certe ĝia legado ne estas amuza kaj ŝatinda por tiuj, kiuj amas la strangajn kaj mirindajn aventurojn, la konfliktojn de pasioj . . . — sed efektive se iu troviĝas en momento malfacila de sia vivo, kiam lia spirito estas disbatita de kontraŭaj pasioj kaj li devas fine elekti la direkton de sia konduto, se li atente konsultos la libron, li trovos en ĝi la plej ĝustan, justan kaj laŭmoralan konsilon".

La tradukinto tre modeste parolas pri la malflueco kaj malebeneco, kiuj ensoviĝis eble en lian tradukon. Ĉar temas pri verko, kiu ne pretendas artan efekton kaj stilan belecon krom la klareco de la esprimitaj ideoj, ni trovas en lia laboro nenion riproĉeblan. La frazoj estas klaraj, facile kompreneblaj.

## P. M. CAROLFI O. M.: MALLONGA BIOGRAFIO DE S. FRANCISKO EL ASSISI

En la tono de entuziasma respektego kaj pia amo rakontas la aŭtoro la vivon, agojn, miraklofarojn de tiu ĉi heroo de l' Amo, kiun la katolikaj Esperantistoj vere rajte respektegas kiel sian ĉielan Patronon.

La lingvo kaj la stilo estas ĝenerale bona, sed estas en ĝi kelkaj lingvaj malkorektaĵoj, kies elsarko certe plivalorigus la libreton.

TRA LA FRANCISKANA URBO ASSISI de P. S. de *Carolis* O. F. M. Eld. la sama. Lerte farita, interese ilustrita gridlibreto.

B. MIGLIORINI. MANUALE DI ESPERANTO *in dieci lezioni.* Eldono: la sama.

Belaspekta, tre lerte farita gramatiko por italoj kun bonstilaj ekzercoj, bonaj vortaretoj.

*

Ni ne povas preterlasi la okazon: gratuli kore al la eldonisto A Paolet pro lia eldona agado, kiu donis kaj promesas belajn fruktojn en la ĝardeno de nia literaturo. *(—las)*

# KOREKTO

En la antaŭa n mero estas du bedaŭrindaj preseraroj. En la „Aŭtobiografio" de Solovjev pĝ. 9., strofo 5., legu „iĝis" anstataŭ „igis". En la „Deliro" de la sama aŭtoro, pĝ. 12. strofo 3. legu „trompas" anstataŭ „rompas".

Globus presartinstituto A. S., Budapest. Direktoro Nikolao Biró